# Etnismo

ISSN0930

N-ro 84 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2009

## EN TIU ĈI NUMERO:






Dulingva tabulo: pola-kaŝuba.

Pola mapo 10-a jarcento.

*Tomasz Chmielik*

# MINORITATOJ EN POLLANDO

*Tomasz Chmielik prelegis ĉi-somere en Bjalistoko pri la minoritataj popoloj de la lando, kiu gastigis la Universalan Kongreson. Ni aperigas ĉi-sube la tekston de lia prelego. La aŭtoro tre interese kaj detale traktas la temon. Li aparte precize priskribis la minoritatajn lingvojn laŭ kriterioj ĉerpitaj el la Konsilio de Eŭropo. La risko en tiu "hierarkiigo" de la lingvoj ĉefe en la eksterpollandaj ekzemploj riskas veki kontraŭajn opiniojn. Sen starigi sterilajn disputojn pri tio ni malfermas niajn paĝojn al aliaj opinioj pri tiu temo.*

Delonge regas la opinio, ke en la orienteŭropa mozaiko de popoloj kaj lingvoj Pollando distingiĝas per la rimarkinda unueco laŭ strukturo etna, sed ankaŭ etnokultura kaj lingva. Tamen se analizi pli amplekse, oni vidas en ĉi tiu lando diversajn "minoritatajn" situaciojn, ligitajn kun plurlingveco, multetneco kaj lingvaj kontaktoj, iafoje eĉ konfliktoj. Koncerne la nombron de etnaj grupoj Pollando okupas sufiĉe altan pozicion en la eŭropa statistiko, malgraŭ ke ili formas nur 3 ĝis 5 procentojn de la tuta loĝantaro.

En Pollando loĝas reprezentantoj de naciaj minoritatoj kiel belorusoj, ĉeĥoj, grekoj, litovoj, makedonoj, armenoj, ciganoj, slovakoj, ukrainoj kaj judoj. Aldoniĝas la etnaj (regionaj) minoritatoj de karaimoj, kaŝuboj, lemkoj, mazuroj, poleŝukoj, rusoj (staroveroj[1]), silezianoj, tataroj kaj varmianoj.

La supra listo baziĝas ĉefe sur politika kriterio kaj arbitre kalkulas al la naciaj minoritatoj tiujn grupojn, kiuj ie ajn havas etnajn teritoriojn, organizitajn en ŝtatoj. Tuj dubindas ĉi tiu kriterio pri la polaj armenoj kaj judoj. Apenaŭ en simbola, kaj plej ofte emocia maniero ili sentas ligon kun la Respubliko de Armenio kaj kun la Ŝtato de Israelo. La samo koncernas grekojn, kiuj en la 90-aj jaroj de la pasinta jarcento oficiale perdis la statuson de nacia minoritato en Pollando, kaj makedonojn, venintajn ne el la sendependa Makedonio - formale "Eksa Jugoslava Respubliko de Makedonio", sed el la Egea Makedonio, kie ili cetere havas neniajn rajtojn kiel minoritato. Iom mirigas ankaŭ tio, ke en tiu ĉi grupo troviĝas ciganoj, kies ligo kun Hindio estas nur historia. Des pli surprizas la manko de la germanoj, kiujn laŭ regionoj oni disigis en "germanlingvajn" mazurojn, silezianojn, varmianojn, kaj probable ankaŭ kaŝubojn, preterlasante samtempe la faktON, ke ili parolas apartan kaj memstaran lingvon.

## KLASIFIKO LAŬ LA KONSILIO DE EŬROPO

En mia artikolo prezentiĝos alia tipologio, ĉerpita el la leĝaro de la Konsilio de Eŭropo koncerne la malpli uzatajn lingvojn. Tiu ĉi termino (angle *lesser used languages*, france *langues moins répandues*) estis akceptita en la nomo de la Eŭropa Buroo de Lingvoj Malpli Uzataj kaj respegulas malŝaton de iuj ŝtatoj (ekz. Francujo) pri la oficiala uzado de la nocio "minoritato", kiun ne enkondukis iliaj leĝodonaj instancoj. Do, tiajn lingvojn, kiuj ne estas oficialaj ŝtatlingvoj, oni povas dividi en:

- **lingvojn de naciaj minoritatoj, kiuj posedas siajn naciajn ŝtatojn** ekster la propra etna teritorio - ofte temas pri translimaj minoritatoj (la hungara en Slovakio, la germana en Belgio, la belorusa, litova kaj slovaka en Pollando);
- **lingvojn de etnaj minoritatoj, kiuj ne posedas etnan teritorion** (ili povas loĝi ankaŭ en kelkaj ŝtatoj), kiel la eŭska en Hispanio kaj Francio, la bretona en Francio, la kimra en Britio, frisaj lingvoj (precipe la okcidenta kaj la norda) en Nederlando kaj Germanio, du sorabaj lingvoj en Germanio (la alta en Saksio kaj la malalta en Brandenburgio);
- **diasporajn lingvojn (eksterteritoriajn)**, kiel la lingvoj de judoj (jida kaj ladina), de ciganoj, kaj dialektoj de la armena en diasporo;
- pro la malgranda nombro de uzantoj oni povas distingi en Eŭropo tiel nomatajn **mikrolingvojn**, kiel la karaima (kiu estas ankaŭ diaspora lingvo), la iĵora, la udmurta kaj la liva[2], sed ankaŭ etnolektojn - la vilamova[3], la saterfrisa[4] kaj la miranda[5];
- apartan grupon formas la **regionaj lingvoj (regiolektoj)**, kiuj havas proprajn ecojn: ili estas parencaj al la lingvo, kiun parolas la plimulto de la loĝantoj en ilia teritorio aŭ ŝtato. Historie ili disvolviĝis kune kun ĝi dum longa tempo. Ĉe iliaj uzantoj ne formiĝis sento pri nacia aparteco, sed rimarkindas forta sento pri aparteco etna kaj/aŭ regiona. Ili montras sufiĉe grandajn diferencojn per dialektoj kaj mankas por ili unueca literatura normo. Povas okazi, ke ĉi tiu normo ne estas sufiĉe diskonigita, malgraŭ ke ekzistas riĉa, ofte malnova literatura tradicio. Iuj lingvoj havas en la socio malaltan prestiĝon, kelkfoje pli malaltan ol iam en la pasinteco. Al tiaj regiolektoj apartenas la malaltgermana en Germanio kaj Nederlando, la provenca/okcitana en Francio, la skota en Britio, la asturia en Hispanio, la kaŝuba en Pollando, la latgala en Latvio kaj la samogita en Litovio.

Rimarkindas, ke en mia klasifiko troviĝas nur lingvoj de aŭtoĥtonaj grupoj, delonge vivantaj en la nomitaj

landoj. Mi ne prezentas aloĥtonajn lingvojn - la lingvojn de enmigrintoj.
Laŭ la supre prezentitaj kriterioj la malpli uzatajn lingvojn en Pollando oni povas dividi en la lingvojn:
- **minoritatajn:** la belorusa, la ĉeĥa, la litova, la germana, la slovaka, la rusa, la ukraina,
- **regionajn:** la kaŝuba, la lemka - kaj se en la estonteco pro la sociolingva evoluo ŝanĝiĝos la situacio de la dialektoj de Silezio, Varmio kaj Mazurio, ankaŭ ili povus esti kalkulitaj al ĉi tiu grupo.
- **diasporajn:** la jida, la karaima, la cigana, kaj antaŭ longe - la armena,
- **aloĥtonajn:** la greka, la makedona, sed ankaŭ la bulgara kaj la vjetnama.

## BELORUSOJ

Ili loĝas en la sudorienta parto de Podlaĥio, sed ankaŭ en Mazovio, Varmio-Mazurio, Lublinio, Orienta kaj Okcidenta Pomerio. Plej multe da belorusoj vivas en vilaĝoj kaj urboj ĉirkaŭ Bjalistoko, kiel *Hajnówka*, *Sokółka*, kaj *Bielsk Podlaski*. En ĉi tiu regiono la belorusan naciecon deklaris 46 miloj da loĝantoj[6], sed oni taksas la nombron de belorusoj en Pollando je inter 100 kaj 300 miloj. La lingva identeco de ĉi tiu grupo estas malforta, kaj la unuiga faktoro montriĝis aparteneco al la Pola Ortodoksa Eklezio, kvankam la belorusa lingvo estas uzata nur sporade en ĉi tiu eklezio. La mesoj (escepte de kelkaj paroĥoj) estas celebrataj en la slavona kaj/aŭ rusa lingvoj. Same okazas pri la religia edukado de infanoj. La radiostacio en Bjalistoko aŭdigas beloruslingvajn programojn, estas spekteblaj ankaŭ televidaj programoj en ĉi tiu lingvo. Aperas kelkaj gazetoj kaj revuoj: "*Niwa*" (semajna), "*Czasopis*" (ĵurnalista, dulingva kaj monata), "*Fos*" (kvaronjarara por la ortodoksa junularo), "*Białoruskie Zeszyty Historyczne*" (Belorusaj Historiaj Kajeroj, duonjaraj), "*Termapiły*" kaj "*Annus Albaruthenicus*" (ambaŭ jarlibroj). En la urbeto *Gródek* ĉiun monaton aperas "*Hołos Hradka*", kaj en *Bielsk Podlaski* - "*Bielski Hostineć*" (kvaronjara). Plej gravaj organizaĵoj estas "*Białoruskie Towarzystwo Społeczno-Kulturalne*" (Socikultura Belorusa Societo) kaj "*Związek Białoruski w Rzeczypospolitej Polskiej*" (Belorusa Asocio en la Pola Respubliko), kiun formas tiaj memstaraj organizaĵoj, kiel "*Białoruskie Stowarzyszenie Literackie Białowieża*" (Belorusa Literatura Societo *Białowieża*), "*Białoruskie Towarzystwo Historyczne*" (Belorusa Historia Societo), "*Stowarzyszenie Dziennikarzy Białouskich*" (Asocio de Belorusaj




Mapo el Vikipedio modifita.
**Belorusa minoritato en Pollando.**

Ĵurnalistoj), "*Rada Programowa Tygodnika Niwa*" (Programa Konsilio de la Semajna Gazeto *Niwa*"), "*Białoruskie Zrzeszenie Studentów*" (Belorusa Unuiĝo Studenta), "*Towarzystwo Chatka*" (Societo *Chatka*) en Gdansko kaj la politika partio "*Białoruskie Zjednoczenie Demokratyczne*" (Belorusa Demokrata Unuiĝo).
Grandan signifon en la vivo de la belorusa minoritato havas lernejoj kun la instruo de la belorusa lingvo. Dum la lastaj jaroj malgrandiĝis la nombro da lernantoj, sed nun tri kaj duona miloj da infanoj lernas en 40 lernejoj. La plej gravaj kulturaj aranĝoj, kiuj allogas belorusojn el Pollando, sed ankaŭ el Belorusio, estas la Festivalo de la Muziko de Juna Belorusio "*Basowiszcza*", la Internacia Kultura Festivalo "*Sabrouskaja Biasieda*" kaj la Festo de la



El Vikimedio, aŭtoro: *Maciek Król.*
**Muzika festivalo de Juna Belorusio "*Basowiszcza*" 2007.**

Belorusa Kulturo en Bjalistoko.




La perspektivo konservi la etnolingvon inter la polaj belorusoj ne estas bona. Kvankam ĝi ne spertis la samajn detruajn transformojn kiel en la sovetigita Belorusio, sed la plej grava minaco estas perdo de la generacia daŭro pro demografiaj ŝanĝoj kaj formigrado de la gejunuloj el la tradicie belorusaj regionoj. En ĉi tiu procezo gravas la ekonomia malprogreso de la tn. "orienta muro"[7] kaj malalta statuso de la belorusa lingvo en la socio.

## ĈEĤOJ



**Emblemo de la "Ĉeĥaj Fratoj" aŭ "Moraviaj Fratoj".**

Ili migris en Pollandon meze de la 16-a jarcento kaj tiu migrado estis ligita kun religia persekutado de la Ĉeĥaj Fratoj[8]. Poste estis ankoraŭ tri ondoj da migrantoj - en la unua duono de la 17-a, fine de la 18-a kaj komence de la 19-a jarcentoj - tiuj lastaj venis al Lodzo, kie disvolviĝis la teksa industrio. Ili loĝas nun en tri heterogenaj enklavoj: en la urbo *Zelów* (distrikto *Bełchatów*, voje-vodio Lodzo) - pli ol 100 personoj, kaj en Silezio (*Głubczyce* kaj *Kłodzko*-valo) - po kelkdek loĝantoj. Kiel distingilo funkcias la ĉeĥa lingvo (nur en *Zelów*), sed ĝi ludas nur la rolon de etna kodo en la familia vivo kaj por la religiaj funkcioj en la loka evangelia-reformita preĝejo. Ĝis 1996 la ĉeĥa estis unu el la tri lingvoj de la revuo *Život*, kiu aperas nun slovake kaj pole. Mankas organizaĵo, kaj la kulturaj aranĝoj okazas ĉirkaŭ la Evangelia-Reformita Paroĥo en *Zelów*. Informoj pri la vivo de la ĉeĥa minoritato troviĝas sur la paĝoj de "*Kalendarz Zelowski*" (Zelova Kalendaro), kiu havas subtitolon - "soci-kultura jarlibro de la ĉeĥ-frata evangelia-reformita paroĥo en *Zelów*".

## LITOVOJ

Ili vivas ĉefe en la norda parto de la podlaĥia vojevodio (ĉ. 20-30 miloj), sed ankaŭ en Mazovio, Varmio-Mazurio, Pomerio kaj Malsupra Silezio. En la komunumo *Puńsk* ili formas preskaŭ 75% de la loĝantoj. Estas unu el la plej bone organizitaj kaj plej malmulte asimiliĝintaj etnogrupoj en Pollando. La litova lingvo estas ĉefa distingilo pri ilia etneco. Same fortas ĉe ili unuflanke la ligo al kaj identiĝo kun ilia regiono, kaj aliflanke kun la litova tradicio, historio kaj kulturo. Ili konservas proksimajn rilatojn kun la Litova Respubliko kaj kun la litova diasporo en la mondo. Rimarkindas, ke ĝuste en la regiono ĉirkaŭ la urbo *Suwałki* oni starigis montrilojn en vilaĝoj kaj pendigis tabulojn kun litovlingvaj nomoj sur privataj kaj publikaj konstruaĵoj - malgraŭ la oficiala malpermeso. La plej gravaj centroj por la litova lingvo estis ankaŭ lokaj romkatolikaj paroĥoj. El Bjalistoko oni elsendas regule, kvankam neofte, radioprogramojn en la litova lingvo. Oni povas spekti ankaŭ litovlingvajn televidajn programojn. 17 diversgradajn lernejojn vizitadas preskaŭ 700 infanoj, kaj la litova estas instrulingvo - la litovoj estas la unusola minoritato en Pollando, kiu elektis ĉi manieron de instruado kiel unusola minoritato en Pollando. En *Puńsk* aperas la dusemajna gazeto "*Aušra*" kun aldono por infanoj "*Aušrele*" kaj la kvaronjara revuo "*Šaltinis*". Tre gravaj kulturaj aranĝoj, kiuj venigas litovojn el ambaŭ flankoj de la



http://physics.uwb.edu.pl/ptf/zespol/spotkanie-z-tradycja.html

**Litova folklora grupo el *Puńsk*.**

ŝtatlimo, estas la ĉiujara "*Sąkrydis*" kun prezentadoj de folkloraj grupoj kaj la festivalo de la garbejaj teatroj - kio estas distinga nur por ĉi tiu regiono. En *Puńsk* kaj *Sejny* estis malfermitaj vidindaj centroj de litova kulturo. La ĉefaj organizaĵoj estas "*Wspólnota Litwinów w Polsce*" (Komunumo de Litovoj en Pol lando), "*Stowarzyszenie Litwinów w Polsce*" (Asocio

de Litovoj en Pollando), “*Litewskie Towarzystwo św. Kazimierza*” (Litova Societo de Sankta Kazimiro) kaj *Fundacja im. Biskupa Antanasa Baranauskasa “Dom Litewski w Sejnach”* (Fondumo je la nomo de Episkopo *Antanas Baranauskas* “*Litova Domo en Sejny*”).

Oni povas konstati ke la etna identeco de la pollandaj litovoj estas forta, kaj tre gravan rolon por ĝi ludas uzado de la gepatra lingvo.

**GERMANOJ**




Ili estas la plej granda minoritato vivanta en Pollando. Oni taksas la nombron de tiuj kiuj rekonas sian germanecon je 400-800 miloj. Grandparte ili loĝas en Supra Silezio, precipe en Opolio, sed ankaŭ en Malsupra Silezio, Varmio-Mazurio, Orienta kaj Okcidenta Pomerio, Grandpolujo, Lubuŝio, Kujavio, Mazovio kaj Lodzo. Distinga por ĉi tiu grupo estas la fakto, ke la germanan lingvon (diversgrade) parolas apenaŭ 6-30% de la personoj. La plimulto de la silezianoj estas trilingva (aperas ĉi tie triglosio[9]): la silezia dialekto de la pola lingvo rolas kiel hejma lingvo, la germana (en la standarda formo, ĉar ĝiaj dialektoj ne plu funkcias) - kiel nacia lingvo, kaj la pola - kiel oficiala lingvo. Ekster Silezio (en Varmio, Mazurio kaj Pomerio) tiuj, kiuj deklaras sin germanoj, plejparte estas unulingvaj kaj nur de kelkaj jaroj klopodas ellerni la germanan (en la standarda formo). Ŝajne la germana minoritato ne traktas sian propran lingvon kiel decidan faktoron por fortigo de la nacia identeco. La ĉefan rolon ludas organiza vivo. Dum la lastaj dudek jaroj fondiĝis multaj korusoj, folkloraj grupoj, popolaj teatroj. La instruado de la germana okazas en la lernejoj, sed plej ofte ĝi estas fremda, ne plu gepatra lingvo. Ĉe vilaĝaj klubejoj kaj popollernejoj estis malfermitaj ankaŭ bibliotekoj, kiuj aranĝas diversajn konkursojn pri germana literaturo. La stacioj en *Opole* kaj *Katowice* elsendas regulajn programojn en la germana lingvo (sed ankaŭ dulingvajn) por televidantoj kaj radioaŭskultantoj. Aperas la semajna gazeto “*Schlesische Wochenblatt*” en *Opole*, la dulingva monatrevuo “*Hoffnung*” en *Katowice*, kaj en *Olsztyn* “*Masurische Storchenpost*” (ankaŭ monatrevuo). Krome rimarkindas “*Zeszyty Edukacji Kulturalnej*” - “*Hefte für Kultur und Bildung*”, aperantaj ĉiun kvaronjaron.

En 350 lernejoj la germana lingvo estas instruata al preskaŭ 36.000 infanoj el ĉi tiu minoritato.

La plej grava organizaĵo estas “*Związek Niemieckich Stowarzyszeń Społeczno-Kulturalnych*” (Federacio de Germanaj Socikulturaj Asocioj), kiu reprezentas filiojn kun la nomoj “*Towarzystwo Społeczno-Kulturalne Niemców*” (Socikultura Societo de Germanoj) aŭ “*Towarzystwo Społeczno-Kulturalne Mniejszości Niemieckiej*” (Socikultura Societo de Germana Minoritato) en 10 vojevodioj: opola, silezia, okcidentpomeria, grandpola, lodza, lubuŝa, malsuprasilezia, pomeria, kujava-pomeria kaj en la eksa Orienta Prusujo (kun ĉ. 600 rondoj). Al ĉi tiu Federacio aliĝis 7 organizaĵoj: “*Związek Młodzieży Mniejszości Niemieckiej w Rzeczypospolitej Polskiej*” (Asocio de la Junularo de la Germana Minoritato en la Pola Respubliko), “*Związek Śląskich Rolników*” (Asocio de Sileziaj Terkulturistoj), “*Związek Śląskich Kobiet Wiejskich*” (Asocio de Virinoj el Sileziaj Vilaĝoj), “*Śląskie Towarzystwo Medyczne*” (Silezia Medicina Societo), “*Górnośląskie Towarzystwo Śpiewacze*” (Suprasilezia Kantista Societo), “*Towarzystwo Dobroczynne Niemców na Śląsku*” (Bonfara Societo de Germanoj en Silezio), “*Konwersatorium im. Josepha von Eichendorffa*” (Konversatorio Joseph *Eichendorff*) kaj “*Niemieckie Towarzystwo Oświatowe*” (Germana Kleriga Societo).

Oni vidas, ke al la plifirmigado de la etna identeco ĉe la polaj germanoj kontribuas ĉefe kulturaj institucioj, kaj la lingva identeco bedaŭrinde postrestas. Tre gravan rolon ludas ankaŭ viglaj kontaktoj kun la Federacia Respubliko Germanio.

Plej gravaj aranĝoj estas Festivalo de Kulturo de la Germana Minoritato, Tagoj de Germana Kulturo en Opola Silezio kaj Revuo de Orkestroj kaj Kapeloj de la Germana Minoritato, okazanta en *Leśnica*.

Nur la polaj germanoj havas unu reprezentanton en la pola Sejmo, kiun oni elektas el la minoritata listo.

***Unu aspekto de la kultura riĉeco de Silezio estas aparta lingvo aŭ forta dialekto. Ĝi baziĝas sur slava lingvo sed enhavas multajn germanajn influojn ...***
http://www.esperantilo.org/blogpl/blogesp89.htmlblogpl/blogesp89.html

**SLOVAKOJ**

Ili loĝas en vilaĝoj de la pola parto de Spiŝo kaj Oravo, kaj ilian nombron oni taksas je ĉ. 20 miloj. Ili




parolas spiŝo-magurajn dialektojn. Tial la distingilo pri la lingva identeco de la polaj slovakoj estas nek la slovaka nek (des malpli) la pola, kaj en ilia situacio triglosia la dialektoj funkcias kiel kodo por interkompreniĝi en la grupo. La etno-nacia identeco nur formiĝas. De tempo al tempo en Spiŝo kaj Oravo prezentiĝas konfliktoj inter polaj kaj slovakaj loĝantoj (ĉefe pro la lingvo uzata dum la mesoj celebrataj tie en romkatolikaj preĝejoj). Unuigilo por la polaj slovakoj estas la regionaj identeco kaj folkloro. En 11 diversgradaj lernejoj okazas instruado de la slovaka kiel gepatra lingvo, kaj en du lernejoj estas klasoj kun la slovaka instrulingvo. Sed grava malhelpo ŝajnas la malgranda nombro de la lernantaj infanoj. Mankas ankaŭ slovaklingvaj programoj por televido kaj radio. Aperas nur la dulingva (slovaka-pola) monatrevuo "*Život*", kiun eldonas "*Towarzystwo Słowaków w Polsce*" (Societo de Slovakoj en Pollando). Ĉiujare okazas Tagoj de Slovaka Kulturo en Malgrandpolujo.

**LA RUSA** estas lingvo por staroveroj[1], loĝantaj en Mazurio kaj en la regiono ĉirkaŭ la urbo *Suwałki* (vidu mapon p. 4) kaj por tiuj, kiuj enmigradis dum la lastaj jardekoj post la disfalo de Sovetio. La staroveroj estas religia grupo, kiu formiĝis pro dividoj en la rusa ortodoksa eklezio ĉe la fino de la 17-a jarcento. Forkurante antaŭ religiaj persekutoj ili ekloĝis en la norda parto de Pollando. La staroveroj parolas kelkajn lingvojn - estas la arkaika rusa dialekto kiel ĉiutaga kodo, la slavona kaj la rusa en la liturgio, la pola - kiel oficiala lingvo, kaj en Mazurio ankaŭ la germana (kiu krom la rusa estas ĉi tie grava distingilo pri identeco). Ili estas minoritato kun etnoreligia karaktero. La ĉefaj organizaĵoj estas "*Rosyjskie Stowarzyszenie Kulturalno-Oświatowe*" (Rusa Kultur-Kleriga Asocio) en Bjalistoko, "*Stowarzyszenie* "*Wspólnota Rosyjska*" (Asocio „Rusa Komunumo") en Varsovio kaj "*Stowarzyszenie Staroobrzędowców w Polsce*" (Asocio de Staroveroj en Pollando) en *Bór* apud *Augustów*. Ili eldonas neniun gazeton. En Bjalistoko okazas Tagoj de Rusa Kulturo, kaj ankaŭ Rusaj Vesperoj kaj Renkontiĝoj.

**UKRAINOJ**

Ili estas unu el la plej grandaj kaj samtempe plej disigitaj minoritatoj en Pollando. Estas do malfacile fiksi la nombron de la personoj kun ukraina origino. Oni taksas ĝin hodiaŭ je 150 ĝis 300 miloj. Du jarojn post la mondmilito trupoj de la Ukraina Ribela Armeo, kiuj estis subordigitaj al la Organizaĵo de Ukrainaj Naciistoj, atakis en la sudorienta landparto soldatojn de la pola armeo, dezirante fondi liberan ŝtaton por ukrainoj el ambaŭ flankoj de la limo. Ili kruelege forbuĉadis tutajn vilaĝojn, kie loĝis polaj kamparanoj. La krimoj faritaj dum tiuj jaroj teruras ĝis hodiaŭ. En 1947 komenciĝis la kampanjo "Vistulo", kiu celis forveturigi grandparte la ukrainojn, helpintajn al la naciistaj bataltrupoj. Ili estis transportitaj al la t. n. Reakiritaj Teritorioj. Kelkloke ekloĝis amaso da forpelitoj, ĉefe en Malsupra Silezio (ĉirkaŭ la urboj *Legnica* kaj *Zielona Góra*), Pomerio (ĉirkaŭ *Koszalin*), Varmio kaj Mazurio (laŭlonge de la norda limo kun la Rusa Federacio). Grandaj grupoj formiĝis ankaŭ en Varsovio kaj Krakovo. Nur malmulte da pollandaj ukrainoj revenis en la 90-aj jaroj al la lokoj, de kie ili estis forveturigitaj. En la diasporaj kondiĉoj ĝuste la lingvo, kaj ankaŭ la religio - greko-katolika (70%) kaj pravoslava (30%) - decidis pri la konservata iden teco. Sufiĉe bona lingvokono


Vikimedio

**Rusa preĝejo en *Wodziłki* proksime de *Suwałki*.**

distingas ĉiujn generaciojn, sed bedaŭrinde malaperas ĉiuj dialektoj (antaŭkarpataj, podlaĥiaj kaj el la terenoj ĉe la riveroj *Bug* kaj *San*). Anstataŭas ilin la ukraina lingvo, kun kiu pro multjarcentaj kontaktoj miksiĝis polaj elementoj. Jam pli ol 10 jarojn estas observebla granda plivigliĝo, eĉ vera renesanco de la tradicia kulturo - en loka, sed ankaŭ tutlanda dimensioj. Ĉiujare okazas festivaloj de ukraina kulturo en *Sopot* kaj *Przemyśl*, junularaj en *Koszalin* kaj *Gdańsk* kaj regionaj en Podlaĥio. Ĝuste en ĉi tiu regiono okazis plej rimarkindaj ŝanĝoj pri la etna kaj lingva identecoj ĉe la aŭtoĥtonaj loĝantoj, kiuj pli kaj pli ofte deklaras sian apartenon al la ukraina nacio. Malgraŭ la disiĝo tra tuta Pollando ĉi tiu komunumo sukcesis fondi tre aktivajn organizaĵojn. En 160 lernejoj por 3000 infanoj la ukraina estas instruata kiel gepatra lingvo (kaj en kelkaj elementaj lernejoj, gimnazioj kaj liceoj oni instruas nur en ĉi tiu lingvo). Tamen estas kaj estis nemulte da eldonaĵoj. Aperadas la ukrain-lingva semajnrevuo "*Nasze Słowo*" (Nia Vorto) kun aldonoj por infanoj kaj virinoj, kaj ĉiujn du monatojn "*Nad Buhom i Narvoju"* (Ĉe *Bug* kaj *Narev*). Aldoniĝas la jarlibroj "*Miż susi-dami*" (Inter Najbaroj) kaj la dulingva "*Almanach Ukraiń-ski*" (Ukraina Almana-ko). Neregule estas eldonataj tiaj gazetoj kaj revuoj kiel la studenta "*Zustryczy*", "*Dialog*" kaj "*Płas-towy Wisnyk*" por la junularo, la eduka "*Homin*" kaj la regiona-religia "*Peremyśki Dzwony*". La Pola Televido prezentas ĉiumonate la informan programon "*Telenowyny"*, kaj la stacioj en Bjalistoko, *Elbląg*, *Koszalin*, *Olsztyn*, *Rzeszów* kaj *Szczecin* elsendas radioprogramojn en la ukraina lingvo. La ĉefa organizaĵo, kiu reprezentas ĉi komunumon, estas "*Związek Ukraińców w Polsce*" (Asocio de Ukrainanoj en Pollando).



Vikimedio, fotis*: Slawojar.*

**Ukraina grekkatolika tombejo en *Królik Wołoski*, Ĉekarpata provinco.**

## KAŜUBOJ

Ili estas la plej granda regiona komunumo. Ili vivas norde, en Pomerio, sudoriente de la linio *Gdynia-Władysławowo* ĝis la rivero *Brda*. Estas regiono fama pro siaj pitoreskaj lagoj inter montetoj, kiujn surkreskas densaj arbaroj. Tradicie la loĝantoj vivtenis sin per fiŝkaptado kaj terkulturado. Kaŝuboj opinias sin de 330 ĝis 550 miloj da personoj, kaj almenaŭ 100 miloj deklaras la kaŝuban kiel gepatran lingvon. Dum jardekoj ĉi tiu lingvo estis rekonata nur kiel dialekto de la pola lingvo. Pro la historia evoluo en diversaj kondiĉoj politikaj estus ĝuste nomi ĝin "regiolekto". Imponas la vigleco de la kaŝuba lingvo en la regiono, se konsideri la mallongan tempon, de kiam ĝi penetras en ĉiujn sferojn de la vivo. Ĝi estas lingvo de liturgio en dekkelke da romkatolikaj paroĥoj, oni eldonis tradukojn de la Nova Testamento, mesotekstojn, preĝojn, kaj ankaŭ psalmojn. La gdanska stacio televidigas kaj aŭdigas programojn kaŝublingvajn aŭ dulingve. La kaŝuba estas instruata en dudeko da lernejoj laŭ speciala programo de la regiona edukado. La gelernantoj povas elekti la kaŝuban kaj trapasi abiturientan ekzamenon pri ĉi tiu lingvo. De kelkaj jaroj en la Gdanska Universitato funkcias katedro de la kaŝuba



Vikimedio, fotis*: Slawojar.*

**Ukraina grekkatolika preĝejo en *Krempna*, Ĉekarpata provinco.**





Vikimediio, aŭtoro*: Morphik.*

**Lago *Lubygość* en Kaŝubio.**

lingvo. Aperas pli kaj pli multe da beletraj kaj popularsciencaj verkoj. Estis akceptitaj la ortografiaj reguloj de la literatura kaŝuba lingvo. La monatrevuo "*Pomerania*" (kaj ankaŭ lokaj gazetoj) publikigas artikolojn kaŝublingve. Iuj municipoj decidis pendigi dulingvajn tabulojn kun stratnomoj. La ĉefa organizaĵo, kiu arigas kaŝubojn, estas "*Zrzeszenie Kaszubsko-Pomorskie*" (Kaŝuba-Pomeria Asocio) kun sidejo en Gdansko.

### LEMKOJ

Ili formas etnan minoritaton kun preskaŭ ses mil personoj. Ĝis la unua mondmilito la nomo "lemko" ne estis konata por indiki la loĝantojn vivantajn en la Karpata Rusujo ĝis la rivero *San* norde. Nur en la periodo inter la militoj, kiu por Lemkio estis tempo por naskiĝanta etna konscio, pro kunpuŝiĝo de malsamaj opinioj kaj politika aktivado, ĉi tiu nomo estis vaste ekuzata (ekzemplo estu la titoloj de la revuoj, kiuj prezentas opiniojn de la kontraŭaj strebadoj: por-moskva *Lemko* kaj por-ukraina *Nasz Lemko* (Nia Lemko). Post la dua mondmilito la nomo "lemko" dominas kaj anstataŭas la malnovan, etne adekvatan nomon "rusnako".

En la 12-a jarcento invadantaj tataroj disbatis la Kievan Rusujon kaj kiam ili estis venkitaj, orienten migris amaso da poloj, serĉante novajn terenojn por loĝado. Tiuj venintoj iom post iom forpuŝis la rutenojn, kiuj estis devigitaj migri en montarojn kaj okupi malfacile alireblajn lokojn. Ĝuste tiel formiĝis pralemkoj. Laŭ alia hipotezo, la polajn koloniojn (fonditajn ĉi tie de la 13-a jarcento en la rivervaloj) inundis ondoj da voloĥo-rutenaj gentoj. Tio okazis pro migrado de balkanaj paŝtistoj, kiuj venante tra Karpatoj norden, miksiĝis kun tieaj loĝantoj. Kiam ili atingis Okcidentajn Karpatojn, ili restis tie, fondante dum la 15-a kaj 16-a jarcentoj siajn koloniojn laŭ la voloĥa leĝo.

Ambaŭ teoriojn ne akceptas lemkoj. En ilia konscio vivas legendo pri la Blankaj Kroatoj, tribo, kiu vivis en Karpatoj en la 5-a jarcento. En la 7-a jarcento ili grandparte elmigris en Balkanion, kaj la restintajn konkeris la Kieva Rusujo en la 10-a jarcento. Tiuj konkeritoj akceptis la nomon rutenoj (rusnakoj) kaj iliaj spuroj vidiĝas hodiaŭ en la lingva kaj kultura aparteco de la okcidentaj rutenoj.

Ĝis la 14-a jarcento Lemkio apartenis al la Galica Duklando, de 1340 ĝis 1772 al la Pola Respubliko, kaj en la jaroj 1772-1918 ĝi formis parton de Galicio, enirante la monarkion de Habsburgoj. Ekde 1918 ĝi troviĝas en Polujo. Ĉi tie, en la limolando inter la slavoj orientaj kaj okcidentaj, kunpuŝiĝis diversaj strebadoj de la naciaj grupoj (rusa, ukraina, pola, aŭstra) kun malsamaj politikaj celoj.

Kiel orientaj slavoj, kaj samtempe ortodoksuloj, la lemkoj nomadis sin rusnakoj (rutenoj), kio signifis "homojn el Rusujo" kaj distingis ilin de aliaj kredantoj. De la mezepoko la nomo "Rusujo" estis sinonimo de la pravoslava (ortodoksa) religio. Dum la 16-a kaj 17-a jarcentoj la orientaj slavoj disiĝis. Ĉi tiuj ŝanĝoj estis pli rapidaj en la 18-a kaj 19-a jarcentoj, kiam anstataŭ Rusujo aperis pli precizaj etno-nomoj: ruso, beloruso, ukraino. La rutenoj loĝantaj inter la riveroj *San* kaj *Poprad* povis elekti inter ĉi tiuj nomoj. Logike ili devus akcepti la nomon de la najbaroj malantaŭ la rivero *San* - ukrainoj.




Vikimidio

Tamen, ili estas fieraj montaranoj kaj per sia vivo diferenciĝis de tiuj, kiuj vivis sur la malaltaĵo. Kun siaj najbaroj en la nordo - romkatolikaj poloj - ili havis malfortajn kontaktojn. Same okazis ankaŭ kun la orientaj najbaroj - bojkoj. Plej forte ili estis ligitaj kun siaj fratoj ĉe la suda flanko de Karpatoj. Tial plifirmiĝis la kultura kaj etna unueco de Lemkio. En izolo for de aliaj kulturoj kaj popoloj ĉe la lemkoj kreiĝis "psika separatismo" kaj tiel distinga konservativismo. Kun malŝato ili akceptas ĉiujn novaĵojn, ne cedas al fremdaj influoj, rifuzas ĉion, kio estas nekonata. Ili estas tre ligitaj al tiaj "sanktaĵoj", kiel gepatra lingvo, propra religio, kutimoj kaj moroj. Ĉiuj provoj asimili lemkojn estis vanaj.

La agado de la "Rusa Triunuo" en Lvovo komencis la ukrainan nacian movadon en Galicio kun multaj iniciatoj por edukado kaj ekonomio. Estis malfermitaj filioj de la kooperativoj "Vilaĝa Mastro" kaj "Lemka Banko" (en *Sanok*, *Jasło*, *Nowy Sącz*), sed ili trovis nenian apogon ĉe lemkaj kamparanoj. La malŝato por ĉi tiu ideo sekvis el la fakto, ke la ukrainaj "narodnikoj" batalis kontraŭ la lemkaj separatismo kaj rusemo. Subtenataj de la greko-katolika Eklezio ili venigis al la paroĥoj ukrainajn pastrojn anstataŭ la lemkaj. Tiu malsameco de politikaj opinioj kruele venĝis sin kontraŭ lemkoj dum la unua mondmilito. La aŭstraj gvidantoj komencis severan persekutadon, suspektante ĉiujn rusemulojn pri spionado. Okazis arestadoj en la tuta Galicio, kaj precipe suferis Lemkio. En la koncentrejo en *Thalerhof* inter 1914 kaj 1918 estis mortigitaj preskaŭ ĉiuj lemkaj intelektuloj. Ĝis nun en la memoro de la lemkoj *Thalerhof* restas kiel loko de la turmentego por 5000 samgentanoj. Ili ankaŭ kredas, ke multe kulpis adeptoj de la ukraina nacia ideo, kiuj denuncadis ĉe aŭstraj soldatoj siajn ideologiajn kontraŭulojn.

Post la unua mondmilito en la malnova Aŭstrio-Hungario formiĝis novaj ŝtatoj. Ĉiu popolo strebis al unueco kaj teritoria sendependeco. En tiu strebado ne mankis karpatorutenoj. La centro de ilia movado fariĝis *Preŝov*, kie estis fondita t.n. Karpatorutena Nacia Konsilio kun doktoro *A. Beskyd* kiel gvidanto. Al la galiciaj rutenoj (lemkoj) minacis, ke ili estos disigitaj de la samgentanoj per la slovaka-pola limo en sudo, kaj tio signifos por ili ekonomian ruinon, ĉar finiĝos la migrado al sezona laboro kaj aĉetado de bovoj en Hungario. Tial ili komencis siajn klopodojn por unuigi la nordon kaj sudon de Lemkio. Decembre de 1918 en *Florynka* estis fondita la Rutena Nacia Respubliko de Lemkoj, kiu ekzistis ĝis marto 1920. Oni elektis la gvidantojn de la Respubliko - ĉefministron kaj ministrojn pri internaj kaj eksteraj aferoj, pri terkulturado. Formiĝis la Rutena Konsilio kun reprezentantoj de vilaĝoj. Tamen estis diversaj opinioj pri la estonteco de la lemka afero. Iuj deziris la nedividitan Lemkion kiel aŭtonoman organismon



Vikimedio, aŭtoro: *Miro Bura.*

**Lemka ligna preĝejo en *Ruský Potok*, Slovakio.**

soci-politikan aŭ kiel tuton inter la limoj de unu ŝtato, plej bone en Ĉeĥoslovakio. La aliaj volis kunigi Lemkion kun Sovetunio. Tamen ĉiuj provoj ligi kontakton kun la gvidantoj de Ĉeĥoslovakio kaj Sovetunio malsukcesis. Krome la Respubliko de Lemkoj ne ricevis helpon de la Karpatorutena Konsilio en *Preŝov*.

Post la deksesmonata regado de la Respubliko la polaj aŭtoritatoj ordonis aresti ĉiujn lemkajn gvidantojn, sed la tribunalo liberigis ilin, ĉar ili agadis ne kun "malbona volo".

Pro la Talerhofa tragedio malfortiĝis la rusema orientiĝo inter la lemkoj, kaj pli grandan signifon ekhavis la ideo pro-ukraina. Post la disfalo de la Okcident-Ukraina Popola Respubliko en Lemkion venis multaj loĝantoj el Orienta Galicio. La pastrojn murditajn en *Talerhof* anstataŭadis novaj greko-katolikaj paroĥestroj. En la vilaĝaj lernejoj estis dungitaj agantoj de la ukraina nacia movado.

En 1932, en Lvovo, fondiĝis la speciala Lemka Komisiono, kiu sendadis diversajn eldonaĵojn: librojn el la Biblioteko de Lemkio kaj la revuojn - "*Nasz Lemko*" (Nia Lemko, aperanta en Lvovo, 1934-1938), "*Nowa Zorja*" (Lvovo - 1926-1938, Stanislavovo - 1938-1939), "*Diło*" (Lvovo, 1918-1939), "*Beskyd*" (*Przemyśl* 1931-1933), "*Nywa*" (Lvovo, 1918-1938), "*Meta*" (Lvovo, 1931-1938).

La prorusaj ideoj en la intermilita periodo manifestiĝis ĉefe en la agado de la Rutena Vilaĝa Organizaĵo (RVO, "*Ruska Seljanska Organizacja*"), kiu estis fondita en 1926. La Konsilio de RVO starigis du komitatojn - por Lemkio orienta en *Sanok*, kaj por la okcidenta - en *Gorlice*. Ĉi tiu organizaĵo eldonadis du gazetojn - "*Russkij Hołos*" (Lvovo, 1928-1939) kaj "*Zemla i Vola*" (Lvovo, 1928-1939).

Tamen la pro-rusaj, kaj ankaŭ pro-ukrainaj ideoj estis fremdaj por granda parto de la lemkoj. Baldaŭ komenciĝis impeta politika batalo inter la "malnovrutenoj-lemkoj" kaj la "ukrainoj". En 1933 dum la lemka kongreso en *Sanok* fondiĝis "*Lemko-Sojuz*", kiu postulis de la pola registaro, ke oni starigu apartan diocezon por Lemkio, kaj ke ukraina agitado en la lernejoj estu malpermesita. Ĝi deklaris lojalecon al la polaj aŭtoritatoj. La ĉefa organo de "*Lemko-Sojuz*" estis "*Lemko"*, aperanta en la lemka lingvo.

Preskaŭ 25 miloj da lemkoj forlasis la greko-katolikan Eklezion proteste kontraŭ la pro-ukraina agitado de ĝiaj pastroj kaj aliĝis al la ortodoksa religio.



Vikimedio, aŭtoro: *Silar.*

**Grupo de lemkoj en popola kostumo.**

En la lernejojn oni enkondukis la lemkan kiel instrulingvon. Ĉiuj infanoj uzadis la lernolibrojn - "*Bukvar*" kaj "*Perszaja czytanka*" - kiujn aŭtoris *Metody Trochanowski*.

Ĉiuj ĉi klopodoj trovis kompreneble subtenon de la polaj aŭtoritatoj.

Suspektataj pri apogo al krimuloj el trupoj de la Ukraina Ribela Armeo la lemkoj suferis la saman tragedion kiel la polaj ukrainoj. De 1945 ĝis 1947 oni forpelis el la etna patrujo kaj loĝigis ĉirkaŭ 60% de la lemka popolo sur la teritorio de la sovetia Ukrainujo, kaj la ceterajn en 1947 sur terenoj de norda kaj okcidenta Pollando, kiujn forlasis germanoj. Tiel ĉesis ekzisti Lemkio kiel etne unueca regiono, kie disvolviĝis unika popol-kulturo, kie dum jarcentoj daŭris la procezo de konstruado de la propra nacia memkonscio. Tio estis ligita samtempe kun hontinda politiko de la postmilita registaro de la komunisma Pollando, kiu celis starigon de etne kaj kulture unueca ŝtato, sen minoritatoj. La forveturigoj en Ukrainujon okazis laŭ registara kontrakto inter Pollando kaj Sovetunio pri interŝanĝo de la loĝantaro sur teritorioj ĉelimaj. Tiujn forpelojn de la lemkoj el ilia montara patrujo estus do malfacile nomi repatrujigo. Malmultajn, kiuj deklaris sin lojalaj al la pola ŝtato oni restigis, sed ili forlasis Lemkion du jarojn poste kaj venis ĉefe en Malsupran Silezion, Malgrandpolujon, Okcidentan Pomerion kaj Lubuŝion. Nur post 1989 lemkoj komencis iom post iom reveni al sia patrujo en la montaro de Malaltaj Beskidoj. Estas tre malfacilaj revenoj, ĉar iliajn bienojn okupis poloj, kaj post longa atendado tribunaloj nuligas verdiktojn el la tempo de la kampanjo "Vistulo", sed nur tie, kie eblas redoni la rabitan havaĵon. Plej ofte ili ricevas monan kompenson. Tio okazas laŭ decido de la Pola Sejmo, kiu agnoskis la kampanjon "Vistulo" kiel maljustaĵon kontraŭ polaj ukrainanoj kaj lemkoj.

En la nuna Pollando la oficiala nomo por la lemkoj estas "ukrainoj". Por difini sian naciecon ili devas elekti identiĝon polan aŭ ukrainan.

Kiam en 1956, en Varsovio, okazis la unua Kongreso de la reprezentantoj de tiu ukraina minoritato, venis ankaŭ multaj lemkoj. Ili aktive partoprenis en la fondo de la Ukraina Socikultura Societo en Pollando. Enkadre de ĉi tiu Societo ili starigis propran Lemkan Sekcion kaj publikigis aldonaĵon al la gazeto "*Nasze Słowo*" en sia lingvo, kiu unue estis titolita "*Łemkowskie Słowo*" (Lemka Vorto), poste "*Łemkiwska Storinka*" (Lemka Paĝeto), kaj lastatempe "*Łemkiwska Besida*" (Lemka Besedo).

Tamen la ukrainaj agantoj de la Societo kun granda malfavoro akceptadis tiun lemkan aŭtonomion. En la 80-aj jaroj komenciĝis la unuaj malkaŝaj klopodoj de la lemkoj por sendependiĝi.

Baldaŭ estis presitaj la dulingvaj (polaj-lemkaj) poemaroj de *Petro Murianka*, *Władysław Graban*, *Stefania Trochanowska*, *Paweł Stefanowski* kaj *Helena Duć*. Komencis aperadi lemkalingve la revuoj "*Hołos Watry*" (La Voĉo de Vatro, ekde 1984 en *Krynica*) kaj "*Besida*" (ekde 1989 samloke). La kanta kaj danca grupo *Lemkowyna* havis multajn prezentadojn en tuta Polujo kaj eksterlande. En 1983 unuafoje estis organizita "Lemka Vatro" (Bivakfajro), kiu popularigas la lemkan kulturan kaj samtempe bremsas poligadon ĉe la juna generacio. Al *Watra*, kiu fariĝis granda lemka festo, venas homoj el

la tuta mondo. En *Legnica* fondiĝis amatora teatro, kiu prezentas spektaklojn pri la vivo de lemkoj. Kompreneble ĉiuj dialogoj estas en ilia lingvo.
En Krakovo, en la Instituto de Orientslavaj Filologioj ĉe la Jagelona Universitato, doktoriĝintaj lemkoj laboras sub la gvido de profesoro *W. Witkowski* pri lemka vortaro. Estis ellaborita instruprogramo de la lemka lingvo, kaj en dudek elementaj lernejoj 160 infanoj lernas ĉi lingvon.
Printempe de 1989 en *Legnica* estis registrita "Unuiĝo de Lemkoj", kiu estas la unua postmilita lemka organizaĵo kun agado en tuta Pollando. Ĝi preparas aranĝojn kiel "*Łemkowska Watra*" (Lemka Vatro) en *Zdynia*, "*Łemkowska Watra na Obczyżnie*" (Lemka Vatro Eksterlande) en *Michałów*, Festo por Lemka Tradicio "De Rus al Jan" en *Zyndramowa* apud *Duklo*, Eŭropa Renkontiĝo de Naciaj kaj Etnaj Minoritatoj "*Pod Kyczerą*" kaj Internacia Bienalo de Lemka Kulturo en *Krynica*, ankaŭ multajn integrigajn renkontojn ĉe bivakfajro, poeziajn vesperojn, muzikajn koncertojn.
Krom tiu Unuiĝo de Lemkoj aperis nova organizaĵo - Asocio de Lemkoj. Fondis ĝin ĉefe maljunaj membroj de la Lemka Sekcio ĉe la Ukraina Socikultura Societo.
Lastatempe aperis multaj verkoj pri lemkaj ikonoj, pri la arkitekturo de preĝejoj en Okcidenta Lemkio, pri la historio de la lemka literaturo.
Sociologoj el la Jagelona Universitato komencis kaj daŭrigas ampleksajn esplorojn pri la nacia konscio kaj diversaj aspektoj de la socia vivo de lemkoj.
La polaj lemkoj grandparte apartenas al du Eklezioj - la greko-katolika kaj la pravoslava (ortodoksa).

## LA POLAJ ROMAOJ

Nomataj ankaŭ ciganoj, ili disiĝas en kvar gentojn: *Pola Roma* (la plej granda), karpataj romaoj (*Bergitka Roma*), kelderaŝoj kaj lovaroj. La unua mencio pri romaoj aperis en krakova dokumento (1401). Ekde la 15-a jarcento venadis grupoj de romaoj migrantaj el la Hungara Malaltaĵo sur la karpatajn terenojn. En la 16-a jarcento migradis ĉi tien romaoj el Germanujo, kiuj poste ricevis la nomon *Pola Roma*. Kaj meze de la 19-a jarcento komenciĝis migrado de kelderaŝoj (*kelderari* - kaldronistoj) kaj lovaroj (*lovari* - ĉevalovendistoj) el Transilvanio kaj Voloĥujo.
La karpataj romaoj, kiuj jam kelkcent jarojn estas loksidaj, vivas en la montara parto de Malgrandpolujo, ĉefe en Tatra Bukovinio. Multaj, kiuj apartenas al la grupo *Bergitka Roma*, vivas en la urboj de Supra kaj Malsupra Silezio, kaj ankaŭ en *Nova Huta* apud Krakovo - kun grandega fandejo, kie en la kvindekaj jaroj de la 20-a jarcento ili estis dungataj enkadre de la t.n. produkta politiko.
Kelderaŝoj kaj lovaroj migradis ankoraŭ ĝis la fino de la kvindekaj jaroj tra la tuta lando, sed devigitaj per la setliga politiko de la komunista registaro en la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj ili ekloĝis ĉefe en grandaj urboj, kiel Varsovio, Poznano, Vroclavo, Lodzo,


Vikimedio.

**Portreto de *Papusza*, (*Bronislawa Wajs*), fama romaa poetino naskiĝinta en 1908 en Lublino kaj mortinta en1979 en *Inowrocław*. La portreton pentris *Krystyna Gierlinska - Jozwiak* en 2008.**

Krakowo kaj *Puławy* (en la lublina regiono).
Oni taksas la romaojn je 20 miloj. Ili estas la plej "malsama" etnogrupo, el kio sekvas multaj konfliktoj kun la pola ĉirkaŭaĵo. Distingas ilin malŝato por organizita lernado kaj malbona kono de la pola lingvo. Oni povas ankoraŭ trovi multe da unulingvaj personoj (maljunaj virinoj kaj infanoj en vilaĝoj), kiuj funkcias komunike en la propra grupo.
La romaoj tute ne klopodas por oficialigo de sia lingvo. La strebado por normigi lingvouzadon pli celas plifaciligi intergentan komunikadon ol plialtigi la statuson de ĉi tiu etnolekto. En ĝi aperas la revuoj "*Rrom po Drom*" (monata) kaj "*Taboreska*" (kvaronjara). En diversaj lokoj fondiĝis asocioj de romaoj, kaj la kundordiganto de ĉi tiu agado estas "*Centralna Rada Romów*" (Centra Konsilio de Romaoj). En la urbo *Tarnów* troviĝas la Centro de la Kulturo de Romaoj. Ĉiujare okazas prezentadoj de la cigana folkloro: Internacia Renkontiĝo de Ciganaj Muziktrupoj "*Romane Dyvesa*" en *Gorzów Wielkopolski*, Internacia Festivalo de Kanto kaj Kulturo de Romaoj en *Ciechocinek*.
En la hitlera koncentrejo *Auschwitz-Birkenau* la romaoj, kiuj venas el la tuta mondo, omaĝas la tagon de la memoro pri la samgentanoj murditaj tie en la gasĉambroj. Same okazas en Lodzo, kie en 1942 nazioj likvidis la t.n. ciganan lageron (*Zigeunerlager*) en la geto de *Litzmannstadt*.

**JUDOJ**

Ili aperis sur la polaj terenoj en la 11-a jarcento, kiam, forpelitaj el Ĉeĥio, ili migris en Silezion. Dum la sekvaj jarcentoj venadis pli kaj pli amase judoj, kiuj estis devigitaj forlasi siajn loĝlokojn en Germanio. Pri ilia vivo en Polujo decidis unuflanke la reĝo, nobeloj kaj posedantoj de la urboj, kiuj donis al ili multajn privilegiojn ligitajn kun ekonomia agado. Sed aliflanke ĉiujn novulojn rezistis la urbanaro (kiu vidis en ili konkurantojn) kaj la katolika pastraro. Baldaŭ ili formis la kvaran klason de la pola civito. Ili estis liberaj (per kio ili diferenciĝis de la kamparanoj), sed ili ne havis la samajn rajtojn kiel urbanoj, en multaj urboj oni limigis al ili loĝadon. Ili ne estis akceptataj al la metiistaj gildoj kaj ne povis studi en la Krakova Universitato. Oni malpermesis al ili agadon en publikaj servoj. Malgraŭ tiuj obstakloj la judoj iom post iom riciĝis kaj ĝuadis internan aŭtonomion.



Vikimedio, Aŭtoro: *Alter Kacyzne.*

**Du maljunaj judoj studantaj religian verkon en la hebrea. El "Bildoj pri aktuala vivo en Pinsk, publikigitaj en *New York "Forverts"* la 19-an de oktobro 1924.**

La 16-a jarcento estis ora epoko por la kulturoj pola kaj juda. Aperis tiam la plej gravaj verkoj, kiuj estas monumentoj de la rabena pensaro. Komence de la 17-a jarcento en la Pola Reĝlando kaj Litovio vivis 500 miloj da judoj, kiuj formis 5% de la loĝantaro. Meze de ĉi tiu jarcento komenciĝis ekonomia krizo, kiu ruinigis ankaŭ prosperantajn judajn komunumojn. Pro buĉadoj de la kozakaj trupoj de *Ĥmelnickij* pereis unu kvarono de la judoj. Tiu kruelega sortobato instigis la kreon de nova movado pri juda religiemo, spontana, emocia kaj popola - la ĥasidismo, kiu ĝis la fino de la juda socio en Pollando estos la ĉefa distingilo por ĝi.

En la 19-a jarcento la judoj ricevis egalajn rajtojn, kiujn "alportis" en Eŭropon la Franca Revolucio, sed tio ne okazis en ĉiuj sferoj de la vivo. Ili ne povis okupi ŝtatajn oficojn, precipe en la justico, kaj havis malpermeson esti dungataj en la lernejoj. Varsovio fariĝis la plej granda juda centro en Eŭropo (kun pli ol 200 mil homoj). Aperis nova socia grupo - intelektuloj, ĉefe poligitaj. Ili formis parton de la pola intelektularo. Samtempe naskiĝis kaj disvolviĝis - kiel en Okcidenta Eŭropo kaj Rusujo - antisemita ideologio. Plej atakataj estis ĝuste la asimiliĝintaj judoj. Granda paradokso! La juda socio grandparte vivis ekster la modernigaj kaj asimilaj strebadoj, sed tiuj, kiuj asimiliĝis laŭ natura maniero aŭ volis asimiliĝi, devis ofte suferi persekutadon.

En la turnopunkto de la 19-a kaj 20-a jarcentoj formiĝis institucioj de la moderna juda socio: politikaj partioj - cionistaj, intencantaj starigi apartan ŝtaton por judoj, kaj *Bund*: socialista, kiu celos starigi kulturan aŭtonomion por judoj en tiuj ŝtatoj, kie ili loĝas - kaj ankaŭ dekoj da sociaj establoj. Subite "eksplodis" la gazetaro, kaj en 1905 jam aperis 34 titoloj en la juda kaj hebrea lingvoj. En la dudekaj jaroj ili multiĝis kvinoble. Varsovio fariĝis ankaŭ granda centro de la juda literatura vivo. Inter dekoj da poetoj, novelistoj, romanistoj kaj dramistoj estis *Isaac Bashevis Singer*, kiu sesdek jarojn poste fariĝis la ĝis nun unusola aŭtoro verkanta jidlingve, kiu ricevis Nobel-premion.

La moderna juda kulturo, naskiĝinta en la komenco de la 20-a jarcento, mirinde disvolviĝis inter la mondmilitoj, kaj Polujo estis ĝia plej granda centro en la mondo. Floris la vivo de la judaj komunumoj en la urboj. Okazis vigla instruado en diverstipaj lernejoj por judaj infanoj. Tamen ne mankis zorgoj kaj turmentoj pro la kruelaj pogromoj en Ukrainio, en la dudekaj jaroj, kaj pro la kreskanta antisemitismo de la tridekaj jaroj, kiu manifestiĝis per stratbataloj, *numerus clausus* kaj benko-geto en la altlernejoj kaj per "arjaj paragrafoj" en multaj organizaĵoj. Malindan rolon ludis pastroj de la romkatolika Eklezio, kiuj ofte estis instigantoj de kontraŭjuda persekutado.

La jaro 1943 signis la finon por la juda mondo en Pollando. El tri kaj duona milionoj da judoj la holokaŭston supervivis apenaŭ kelkdek miloj. Enkadre de la repatrujigo el Sovetio venis ankoraŭ 240 miloj kiel polaj civitanoj.

La sento por la judoj, dominanta inter la poloj dum la milito, estis grandparte indiferento. Unuflanke estis ŝmalcovnikoj, kiuj kontraŭ mono kaptadis kaj denuncadis judojn forlasantajn geton aŭ kaŝiĝantajn ĉe la pola flanko. Kaj estis homoj, kiuj vivoriske kaŝis judojn en siaj loĝejoj, domoj, bienetoj - multajn pafis nazioj. Sin prezentas la demando, de kie venis tia indiferenteco. Kiam laŭ interkonsento en la pakto *Ribbentrop-Molotov* Pollandon enmarŝis trupoj de la

Ruĝa Armeo la judaj komunistoj - precipe en oriento - akceptis ilin kiel savantojn per salo kaj pano. Poste, kiam komenciĝis mallonga sovetia regado, ili denuncis ĉe NKVD polojn. Kiam la rusaj trupoj retiriĝis okazis multaj pogromoj kontraŭ judaj kiujn oni rabis, batis kaj ofte mortigis. Germanoj kompreneble instigis ĉi pogromojn. Ankaŭ en la malfermitaj getoj tre gravan rolon ludis ekstreme maldekstremaj cionistoj, kiuj en Sovetio vidis esperon por la tuta mondo. Sed ĉu tio vere povas klarigi la indiferentecon de poloj?

Post la milito multaj judoj, kiuj revenis de Sovetio aŭ saviĝis en Pollando, forveturis. Iuj ne imagis vivon sur la ruinoj, aliaj post la pogromo en *Kielce* (1946), kiam poloj murdis kelkdekon da judoj, ne plu hezitis. Ĝuste tiu ĉi pogromo estas unu el la plej sombraj eventoj en la komuna historio de la judoj kaj poloj.



Lodzo, marton 1940. Transloĝiĝo de judoj en la geton.

La saviĝinta malgranda juda komunumo provis organizi sin en la nova vivo, rekreante ĝis ia grado la politikan strukturon el la antaŭmilita tempo. En la Centra Komitato de Polaj Judoj, kiu fondiĝis en 1944, estis reprezentataj cionistoj, *Bund*, religiaj partioj kaj komunistoj. Tio povis okazi, ĉar *de facto* la judaj grupoj akceptis la politikan ordon en la postmilita Pollando, sed ankaŭ tial, ke Sovetio - esperante pri la fondo de Juda Soveta Respubliko en Palestino sub la brita mandato - permesis dume liberan agadon politikan kaj socian. Kiam aperis la ŝtato Israelo, kiu ne plenumis la sovetiajn esperojn, kaj la progresanta stalinismo likvidis la restaĵojn de plurismo, ankaŭ tiuj sendependaj kulturaj institucioj de judoj, iliaj lernejoj, eldonejoj kaj gazetaro estis likviditaj.

Kiam la sekva ondo da elmigrintoj forlasis Pollandon en la "degelo"-tempo post la oktobraj eventoj en 1956, restis nur tridekmilo da judoj. En marto 1968 la polaj komunistoj komencis sian kampanjon de malamo kontraŭ judoj, eliminante el la rondoj de la regantoj ĉiujn malamikojn kun juda origino. La humiliga voko "cionisto" (judo) estis sufiĉa akuzo por forpeli persekutiton el laboro, por izoli lin kiel "pestulon" inter la najbaroj. La atako estis turnita eĉ kontraŭ tiuj, kiuj neniel sentis sin judoj. Komenciĝis fosado en personaj dokumentoj, kontrolado de la rasa "pureco". Miloj da homoj forveturis en landojn de Okcidenta Eŭropo, en Usonon kaj Israelon.

Dekkelkajn jarojn poste validis la cenzura malpermeso paroli pri la "juda problemo". Nur la tempo de Solidareco malfermis sen limigoj diskuton pri la pola-juda historio. Post 1989, kiam oni restarigis demokration en la landoj de Orienta Eŭropo, reviviĝis kontraŭjudaj sentoj. Denove malindan rolon ludis iuj pastroj de la romkatolika Eklezio, kaj precipe la Radio *Maria* en *Toruń*. Mi ne demonigas ĉi aperaĵon, sed estas nekontesteble, ke antisemitismo viglas en Pollando, la dekstrulaj kaj naciistaj partioj daŭre utiligas ĝin en politika batalo. Paradokse estas antisemitismo sen judoj.

Hodiaŭ en Pollando vivas de 5 ĝis 10 miloj da judoj. Se akcepti religian kriterion oni devas redukti ĉi nombron al 3,5 miloj, ĉar tiom da personoj estas registritaj en "*Związek Religijny Wyznania Mojżeszowego*" (Asocio de Mosea Religio) en Varsovio. La plej grava organizaĵo de ĉi tiu minoritato estas "*Towarzystwo Społeczno-Kulturalne Żydów w Polsce*" (Socikultura Societo de Judoj en Pollando) - ĝi agadas de 1950, kiam kuniĝis la Centra Komitato de Polaj Judoj kun la Juda Kultura Societo). Ĝi eldonas la semajnrevuon "*Fołks Ŝtime*". Krome aperas la revuoj - dusemajna "*Dos jidiŝe Vort*" (Juda Vorto) kaj monata "*Midraŝ*" (Midraŝo). En Varsovio troviĝas la "*Żydowski Instytut Historyczny*" (Juda Historia Insituto) kaj la Juda Teatro je la nomo de "*Estera Kamińska*", kiu prezentas jidlingvajn spektaklojn. Jam dekkelk jarojn, fine de julio, en Krakovo okazas la septaga Festivalo de Juda Kulturo, la plej granda en tuta Eŭropo. En Varsovio la Fondumo "*Ŝalom*" aranĝas la kulturan festivalon "Varsovio de *Singer*", kaj dum la Tagoj de

la Juda Libro renkontiĝas verkistoj, eldonistoj, literaturkritikistoj kaj legantoj, kiuj malkovras mondon, kiu ne plu estas.

En du lernejoj (Varsovio kaj Vroclavo) 70 infanoj lernas la hebrean, kaj la jida estas instruata dum multaj kursoj, kiujn ofertas judaj organizaĵoj.

En somerferioj apud Varsovio renkontiĝas junaj polaj judoj, kiuj lernas ceremoniojn ligitajn kun sabatfesto kaj lernas hebreajn kantojn. Tio donas la esperon, ke tiu malgranda komunumo ne malaperos.



Vikimedio.

**Karaimaj viroj el Krimeo tradicie vestitaj, 19-an jarcenton. El la Juda Enciklopedio, 1901-1906.**

## KARAIMOJ

La vorto -Karaimo- (el la hebrea *karajim* - "legantaj") signifas adeptojn de religio, sed ankaŭ naciecon. La fundamento de ilia kredo estas la Malnova Testamento kun la Kvinlibro kaj 19 Libroj de la Profetoj, kaj la Dekalogo, kiuj estas morala kaj etika kodo. La devo por ĉiu karaimo estas propra interpreto de tiuj ĉi tekstoj sendepende de la aŭtoritatuloj. Tamen ĝi ne povas esti kontraŭa al la instruo: «Ne aldonu al tio, kion mi ordonas al vi, kaj ne deprenu de ĝi; sed observu la ordonojn de la Eternulo, via Dio, kiujn mi ordonas al vi» (Readmono, 4: 2). Jesuo kaj Mohamedo estas rekonataj kiel profetoj. Ĉar Jesuo mem diris: «Ne pensu, ke mi venis, por detrui la leĝon aŭ la profetojn; mi venis ne por detrui, sed plenumi» (Mateo, 5: 17). La religia doktrino de la karaimoj formiĝis en la frukristana tempo sur la terenoj de Proksima Oriento (Mezopotamio). Ili kristaniĝis kaj ekhavis organizajn kadrojn en la 7-a jarcento en Irako, dum la regado de la abasida kalifo *Abu Dĵafar al-Mansur*. La ĉefa leĝdonanto estis *Anan ben David el Basro*, ĉirkaŭ kiu ariĝis disĉiploj, kiuj malakceptis la Talmudon kiel superfluan interpreton, ofte turnitan kontraŭ la Malnova Testamento. Cetere ilia opinio estis proksima al la konstato de la evangelianoj: «Ĉar, forlasante la ordonon de Dio, vi tenas la tradicion de homoj» (Marko, 7: 8) «kaj ... Vi vantigis la vorton de Dio per via tradicio» (Mateo, 15: 6).

Krom la Dekalogo la religiaj principoj de la karaimoj enhavas 10 artikolojn de la kredo:

1. La Ĉiopova Dio Kreinto (*Tenri Jaratuvĉu*) ekzistas de ĉiam.
2. Unueco kaj Dia potenco ne povas esti komparataj al iu estaĵo kaj estas nekompreneblaj por la homa menso.
3. Ĉio, kio ekzistas, ekde la anĝeloj ĝis la plej malsuperaj estaĵoj, estis kreita de Dio.
4. La Dia Providenco gardas ĉiun estaĵon.
5. Dio instigis Moseon profete kaj pere de li sendis al ni la Leĝon.
6. La Kvinlibro kun la Dek Ordonoj donitaj sur la monto Sinaj ne povas esti ŝanĝitaj, nek kompletigitaj.
7. La profetoj ĉiam estis inspiritaj de Dio.
8. Dio havigis al ĉiu homo premion kaj punon laŭ meritoj kaj pekoj.
9. La mortintoj releviĝos en la tago de la Lasta Juĝo.
10. Dio savos la mondon venigante Mesion el la Davida gento.



Vikimedio, aŭtoro: *Peter Ashton*, 2006

**Kavaj ruinoj el la krimea fortikaĵa urbo *Ĉufut-Kole*, historia centro por la karaimoj, kiuj tie loĝis ekde la 14-a jarcento.**

En la 9-a kaj 10-a jarcentoj la karaimaj misiistoj diskonigis ĉi instruojn tra Sirio, Palestino, Egiptujo, Nordafriko, Bizanco, Persujo kaj en la ĥazara imperio. Ĝi etendiĝis en la sudan parton de la hodiaŭa Rusujo. Karaimismon akceptis loĝantoj kun turka origino sur la Krimea Duoninsulo kaj ilia reganto (*kagano*) *Bulan*. La krimeaj, litovaj kaj polaj karaimoj devenas ĝuste de tiuj ĥazaroj, kaj post kiam falis ilia imperio (fine de la 10-a jarcento), ili ekmigris norden. En la 13-a kaj 14-a jarcentoj ili atingis terenojn de la haliĉo-volhinia duklando, formante pli grandajn komunumojn en Haliĉo, Lvovo kaj Lucko. Fine de la 14-a jarcento multajn karaimajn familiojn el la ĉirkaŭaĵo de *Solĥat* sur Krimeo venigis la granda litova duko Vitoldo. Ili starigis dĵimatoj (koloniojn) en Troko, Poneveĵo,

Birĵo kaj Posvolo. En Troko ili gardis la grand-dukan kastelon kaj ekloĝis proksime, sur la bordo de la lago. La litovaj karaimoj ekhavis aŭtonomion laŭ la magdeburga leĝo, kiun ili ricevis privilegie de la pola reĝo Kazimiro Jagelonano la 27-an de marto 1441. Ĝis la dispartigoj la karaimojn en Litovio kaj Polujo gvidis elektata vokto sub la juĝopovo de la litova grand-duko kaj reĝaj tribunaloj.

En la 15-a kaj 16-a jarcentoj la karaimoj ricevis multajn privilegiojn de la litovaj grand-dukoj kaj polaj reĝoj, ankaŭ grundojn (360 hektarojn en Troko), kiuj ĝis hodiaŭ nomiĝas "reĝaj kampoj".

En 1837 sur Krimeo oni starigis per cara ukazo la oficon de la Taŭrida-Odesa Haĥano kaj la Karaiman Estraron en Eŭpatorio, kaj poste en 1857 la samajn oficon kaj estraron en Troko. Haĥano estis la religia gvidanto de ĉiuj karaimoj, sed decidojn pri dĵimatoj li faris interkonsente kun hazano (pastro) de keneso (el la araba *kanisa* - preĝdomo). Ĉiu keneso havis du hazanojn: pli aĝan (*ullu*) kaj pli junan, kaj ankaŭ ŝamaŝon, kiu zorgis pri la havaĵo de keneso kaj religia instruado al la infanoj. Ĉiuj hazanoj estis elektataj ĝismorte. Tamen se du trionoj de la karaimoj en dĵimato rekonis, ke hazano ne estas sufiĉe bone preparita por la religia servo, ili povis turni sin al la aŭtoritatoj kun la peto eloficigi lin. La hazanoj geedzigis karaimojn, sed ankaŭ divorcigis geedzojn, krome ili registris naskiĝintajn infanojn kaj mortintajn komunumanojn. De 1894 ĝis 1919 en Eŭpatorio (sur Krimeo) funkciadis sesjara seminario, en kiu lernis hazanoj por 30 dĵimatoj en la Rusa Imperio. Poste la lernejo estis fermita, kaj novaj kandidatoj pretigis sin al siaj devoj, praktikante ĉe la flanko de spertaj hazanoj.



Vikimedio, aŭtoro: *Wojsyl.*

**Karaima tombejo en Varsovio, konstruita en 1890.**

Antaŭ la unua mondmilito la haĥano estis *Romuald Kobecki*, lasta instruisto de la pola literaturo en la liceo en Novogrodko (ĝis la caraj aŭtoritatoj fermis ĉi lernejon). La 24-an de septembro 1920 en Troko oni elektis hazanon Simonon *Firkowicz*, kiu depost 1922 anstataŭadis la haĥanon. Nur kvin jarojn poste, la 23-an de oktobro, estis unuanime elektita nova haĥano, kiu fariĝis la eminenta orientisto, profesoro *Hadĵi Seraj Ŝapŝal* (1873-1961). Jam pli frue, de 1915 ĝis 1919, li plenumis la oficon de la *Taŭrida-Odesa Haĥano*. En 1932 li fondis la Societon de Ŝatantoj de la Karaimaj Literaturo kaj Historio. Pro liaj klopodoj kvar jarojn poste la pola Sejmo akceptis la leĝon pri la karaima religio - ĝi validas ĝis hodiaŭ.

Laŭ *Lietuviškoji tarybinė enciklopedija* (Vilno 1983) dum la lasta mondmilito germanoj mortigis preskaŭ 1500 personojn en Troko. El la multetna civito pleje suferegis judoj. Oni supozas, ke de la nazia pereigo karaimojn savis la verko de profesoro *Marian Morelowski* "*Tkaniny ludowe karaimskie a sprawa pochodzenia Karaimów polskich i litewskich*" (Popolaj teksaĵoj karaimaj kaj la origino de la polaj kaj litovaj karaimoj, Vilno 1934), en kiu li science pruvis, ke ili estas raso, kiu havas nenion komunan kun judoj.



Vikimedio.

**Karaima keneso en Vilno.**

Post la milito la sovetia civitaneco estis donita al la karaimoj. Nur kelkdek familioj sukcesis veni en Pollandon, kie ili ekloĝis en Varsovio, Krakovo, Triurbo ĉe la marbordo kaj en Malsupra Silezio. Laŭ la interna statuto, kiu baziĝas sur la antaŭmilita leĝo de 1936 kaj estis akceptita en 1974, la polajn karaimojn gvidas "*Karaimski Związek Religijny*" (Karaima Religia Asocio) kun sidejo en Vroclavo. Oni fondis ĝin dum la varsovia kongreso en 1997. Du

jarojn poste aperis la unuaj numeroj de la revuo "*Avazmis"* (Nia Voĉo), kiu daŭrigas la tradicion de la samtitola gazeto el la 80-aj jaroj.

La nombron de la polaj karaimoj oni taksas je 200 personoj. Ĉiujn kelkajn jarojn ili organizas sian kongreson, al kiu venas invititaj gastoj, ĉefe el Litovio. Ĉiujare en la karaima tombejo en Varsovio kunvenas multe da karaimoj por la fasto kaj preĝoj je la viktimoj de la pesto, kiu en 1710 mortigis centojn da karaimoj en Litovio.



Vikimedio.

**Leningrada Kodekso, la plej antikva kompleta manuskripto de la hebrea Biblio. La karaimoj pretendas, ke ĝia aŭtoro estis karaimo. Tion kontestas la rabenaj judoj.**

Ĝis 1989 en Vroclavo troviĝis keneso kun hazano *Rafał Abkowicz* en lia privata loĝejo.

Hodiaŭ la karaimoj vivas en Ukrainio (sur la duoninsulo Krimeo, en la urboj Kievo, Ĥarkovo, Haliĉo), en Litovio (Troko, Vilno, Poneveĵo). Kaj ankaŭ en Turkio, Egiptujo (ĉefe en Kairo), en Israelo, en la tuta Proksima Oriento, en ambaŭ partoj de Ameriko, Okcidenta Eŭropo kaj Aŭstralio. Kiam estis fondita la juda ŝtato, multe da karaimoj elmigris tien. Hodiaŭ en Israelo troviĝas 11 kenesoj. En Ukrainio estas ĉ. 1800 karaimoj, kaj sur Krimeo 1500, en Rusujo - 360, kaj en Litovio - 250, el kiuj 80 en Troko. Hodiaŭ en Eŭropo funkcias tri kenesoj - en Eŭpatorio, Troko kaj Vilno. Aliaj, kiel en Kievo kaj Ĥarkovo, estis transformitaj dum la sovetia tempo al tenejoj aŭ kinejoj.

La plejmulto de la karaimoj perdis konon de la gepatra lingvo, kaj la unusola ligilo estas ilia religio.

La karaima apartenas al la okcident-kipĉaka grupo de la turkaj lingvoj. Ĝi parencas al la lingvoj de la balkaroj, karaĉajoj, kumisoj kaj krimeaj tataroj, kaj el la malnovaj lingvoj plej proksima al ĝi estis la ne plu ekzistanta lingvo de la polovcoj. La unuaj tradukoj de la Biblio al la karaima estis faritaj verŝajne jam en la 11-a jarcento. Ĝis nun konserviĝis nur tradukoj en kopioj de manuskriptoj el la 18-a kaj 19-a jarcentoj. La plej malnova Biblio-traduko aperis libroforme en 1841, en Eŭpatorio. Oni devas konstati ĉi tie, ke la historio de la karaimoj sen patrujo estas ligita kun la historio de tiu ŝtato, kies civitanoj ili estis aŭ estas. Dum jarcentoj ilia lingvo kunekzistis kun aliaj lingvoj, fremdaj por ĝi. Tial en la karaima mankas pure naciaj kaj literaturaj formoj. Ĝi havas tri dialektojn: krimean, troko-vilnan kaj lucko-haliĉan.

La nereligiaj tekstoj aperas fine de la 19-a kaj en la 20-a jarcentoj. El Troko devenis poeto *Simon Kobecki*, kiu estas la aŭtoro de la populara lulkanto "*Jukla uvlum*" (Dormu, filo mia). Li kolektis siajn poemojn en la volumeto "*Irlari*", kiu aperis en Kievo (1904). Li skribis ankaŭ dramojn prezentitajn sur amatora scenejo en Troko. En Haliĉo vivis *Zahariasz Abrahamowicz*, kiu skribis multajn poemojn, ne nur em la lucko-haliĉa dialekto de la karaima lingvo, sed ankaŭ pole kaj ukraine. Li aŭtoris la kanton "*Hanuz karajlar eksilmied*" laŭ la formo kaj melodio de la pola nacia himno. Li ankaŭ tradukis el la pola la faman religian kanton "*Boże coś Polskę*... (Dio, vi polan landon...) - *Tenrim, ki bliznin atalarimizni*". Ekde 1931 en Lucko (Volhinio) aperadis la unua revuo en la karaima lingvo - "*Karaj Avazi*" (Voĉo de Karaimo). Ĝia redaktoro estis *Aleksander Mardkowicz*. Li ankaŭ eldonis la libroserion "*Malgranda Karaima Biblioteko*". La vivoverko de *Mardkowicz* estis vortaro de la lucko-haliĉa dialekto, publikigita en 1935. En Troko laboris unu el la plej grandaj karaimaj verkistoj *Simon Firkowicz* (mortinta en 1982), kiu skribis poemojn kaj teatraĵojn. Liaj verkoj instigis profesoron *Tadeusz Kowalski* al scienca prilaboro de la troka dialekto.

Menciindas ankaŭ la nomo de la fama pola turkologo, profesoro *Włodzimierz Zajączkowski*, kiu estis unu el la kunaŭtoroj de la ampleksa trilingva *Pola-karaima-rusa vortaro*. Li esploris ankaŭ karaimajn folklorajn tekstojn.

Oni tradukis en la karaiman poemojn de la renesanca aŭtoro *Jan Kochanowski*, kies religiaj kantoj ankoraŭ nun aŭdiĝas dum preĝoj en la kenesoj. El la poezio de *Mickiewicz* estis tradukitaj: *Oda do młodości* (Odo al juneco) kaj krimeaj sonetoj. Kvin librojn el lia epopeo "*Pan Tadeusz*" (Sinjoro Tadeo) karaimigis

*Józef Łobanos* en la kvardekaj jaroj de la 20-a jarcento.

Inter la karaimaj verkistoj estis ankaŭ *Jakub Malecki*, *Owadiusz Pilecki*, *Sergiusz Rudkowski*, *Mikołaj Tinfawicz* kaj *Zarach Zarachowicz*.

Krom "*Karaj Avazi*" en Vilno aperadis ankaŭ "*Myśl Karaimska*" (Karaima Penso, 1924-1939) - en la pola lingvo, sed kun multe da karaimlingvaj tekstoj.

La karaima kaj juda kalendaroj similas nur kun tiu diferenco, ke la karaimoj festas la novan jaron printempe, la 1-an de *artariĥaj*, dek kvar tagojn antaŭ Pasko, kaj ne aŭtune kiel la judoj. La ĉefaj karaimaj festoj estas: sabato - *Ŝabbat kiuniu*, Tago de la Novluno - *Janhi aj*, Nova Jaro - *Jil baŝi*, Pasko - *Hidĵi Birliharnin*, Festo de Semajnoj - *Aftalar ĥidĵi*, Festo de Tendoj - *Alaĉiĥ ĥidĵi*, Festo de Trumpetoj - *Birhi kiuniu*, kaj Tago de la Pekliberigo - *Boŝaltiĥ kiuniu*. Pleje gravas Pasko, la Festo de Semajnoj kaj la Festo de Tendoj. Tiam la karaimoj festas kune por omaĝi pilgri-madojn al la Jerusalema Tempo, okazantajn en la antikva tempo ĝuste dum tiuj ĉi tagoj.

Dum la festoj la karaimoj preĝas longe en keneso kaj detenas sin de laboro. Pasko daŭras - kiel ĉe la judoj - sep tagojn kaj plej solenaj estas la tagoj unua kaj lasta. La unuan tagon ili legas el la Biblio kaj vespermanĝas. La Festo de Tendoj okazas ne kvindek tagojn post Pasko, sed ekde la unua dimanĉo post la Pasko. La Feston de la Pekliberigo antaŭas dek pentotagoj. Tiam en la keneso okazas specialaj preĝoj antaŭmatene. En la tago de la Pekliberigo ili fastas, la fasto komenciĝas vespere de la pasinta tago kaj ĉiuj restadas en keneso. Estas malpermesita ĉia laboro. En keneso ili konfesas pekojn kontraŭ la Dekalogo kune, kaj hazano faras mallongan konfeson de la pekoj pro forlasitaj oferoj.

Dum jarcentoj la karaimoj severe observis endogamion. Tiucele ili ofte vizitadis Krimeon por serĉi edzinon. Poste ili edziĝis ankaŭ kun fremdaj virinoj, sed la infanoj de tiaj geedzoj ne estas karaimoj. Jen unu el la kaŭzoj, pro kiuj malgrandiĝas la karaimaro. La geedziĝfestoj komenciĝis ĵaŭde kaj devis finiĝi antaŭ la vendreda vespero. Antaŭ la nupto la novaj geedzoj fastas. Al la virino oni malplektas harojn kaj kantas, surmetante vualon, kaj la viro estas frotata per vino. Ambaŭ renkontiĝas ĉe keneso, en kiu hazano metas al ili ringojn sur la fingrojn kaj benas ilin. Poste ĉe kukoj (orovajo), ŝafaĵo kaj vino ili amuziĝas longe ĝis malfrua nokto. Ekzistas la karaima proverbo - «la vera edziĝfesto - kiom da gastoj, tiom da buĉitaj ŝafoj».

Ĉe mortinto la karaima familio sidas ĝis la tago de entombigo. Liaj proksimuloj faras nenion, do parencoj alportas manĝaĵon por ili. Ekzistas la kutimo flamigi tiom da kandeloj, kiom da familianoj ploras pri la mortinto. Post la entombigo ĉiuj lavas siajn manojn. Dum la funebra manĝo la hazano preĝas super pokalo kun vino, el kiu poste ĉiuj trinkas iomete, kaj nur tiam oni enportas manĝaĵon.

La tombejoj estas sanktaj lokoj por la karaimoj. Ili forigas nenion de tie, nek densan herbon, nek arbojn. Ili veturas por preĝi al la tombejoj tie, kie delonge ili ne loĝas, sed kie restis iliaj mortintaj proksimuloj. Precipe sankta estas la tombejo en la Valo de *Jozafat* en *Ĉufut-Kole* sur Krimeo, kien dum jarcentoj oni veturigis mortintojn el Litovio kaj Rusujo, por ke ili kuŝu apud la ostoj de la prauloj inter grandaj kverkoj. Se iu ne povis veturigi mortinton, tiu starigis en tiu ĉi tombejo specialan ŝtonon memore al li.



Vikimedio, aŭtoro: Butko.

**Keneso en *Ĉufut-Kole*.**

«Folioj plibeligas arbojn, kaj vesto homon» - kutime diradis la karaimoj. La vesto por viroj konsistis el pantalono, du ĉemizoj, longa, striita kaftano kun malrigida kolumo kaj kun bukoj sur la brusto - de la kolo ĝis la talio. Ili ĉirkaŭligis sin per zono plektita el ledaj rimenetoj. Sur la kaftanon ili ĵetis brakveston kun manikoj ĝis la kubutoj. Ofte ili surmetis ankoraŭ unu kaftanon longan ĝis la plandoj. Kaj vintre ili kovris ĉi veston per dika pelto. Antaŭe la viroj razis sian kapon kaj fortondis sian barbon, sed ili portadis lipharojn. Nur la maljunuloj ne razis sin. Sur la kapon ili metis rondan, malaltan ĉapon el ŝafa lano. En Krimeo ĝi estis nomata "karaimko". Ĝi distingis karaimojn kaj ankoraŭ nun surkapigas ĝin ĉefe maljunaj homoj. La festa vesto estis kudrata el pli multekostaj ŝtofoj en helaj koloroj. Krome oni plibeligis ĝin per arĝentaj kaj oraj fadenoj brodante naciajn ornamaĵojn.

La vestaĵo por virino konsistis el ĉemizo, robo longa ĝis la plandoj, mallonga bluzo kun larĝaj manikoj sub la kubutoj kaj el supra kaftano. Sur la brusto la blu-

zeto estis ornamita per diverskoloraj brodaĵoj, perloj kaj moneroj. La robon ĉirkaŭligis zono kun arĝentaj bukoj. Kutime la karaiminoj portadis vestojn en koloroj malhelblua, malhelverda, kafobruna. La festaj roboj estis pli helaj, ofte ruĝaj. La karaiminoj metis sur la kapon rondan, malaltan ĉapeton, kiun de supre ornamis punta kovrotuko kun franĝoj, brodita per ora kaj arĝenta fadenoj. Frizo distingigis edziĝintan virinon de fraŭlino. La edziĝintaj virinoj havis bukletojn sur la tempioj.

Tiujn karaimajn vestojn prezentas la muzeoj en Sankt-Peterburgo kaj Moskvo, kaj ankaŭ en Troko.

***TC***

Notoj:

[1] Esperantigo de староверы, signifanta malnov-kredantojn.

[2] Estas la finn-ugraj mikrolingvoj, uzataj en la nord-orienta Rusujo (du unuaj) kaj en Latvio (liva).

[3] Uzata de loĝantoj de la urbeto *Wilamowice* (en la distrikto *Bielsko-Biała*), kies prauloj estis germanaj kolonianoj, venintaj en la turnopunkto de la 12-a kaj 13-a jarcentoj. Ĝermanistoj klasigas ĝin kiel dialekton de la mez-alt-germana lingvo. Hodiaŭ vivas nur kelkdeko da parolantoj, ĉefe el la maljuna generacio. Krom la loka folkloro ĉi tiu etnolekto estas distingilo por ilia aparta identeco.

[4] Unu el la frisaj etnolektoj, uzata de malpli ol 1000 personoj en la distrikto (*Landkreis*) *Saterland*, en la okcidenta Malsupra Saksujo.

[5] La unusola minoritata etnolekto de Portugalio, parolata ĉirkaŭ la urbo *Miranda* en la norda landparto.

[6] Laŭ raporto pri la Nacia Registro de Loĝantaro, aperinta en 2002.

[7] "Orienta muro" el la pola *ściana wschodnia*, estas nomo por la orienta landlimo de Pollando, komuna plejparte kun Belorusio.

[8] Aŭ Moraviaj Fratoj. «La Unuiĝo de Fratoj», latine *Unitas Fratrum*, estas kultura socia movado de la ĉeĥa popolo, fondita en 1457, kelkajn jardekojn antaŭ la Reformacio, en Moravio kaj Bohemio. Ĝi baziĝis sur la instruo de *Jan Hus*»- El Vikipedio.

[9] Ne PIV-a vorto, sed konstruita laŭ la modelo de -duglosio- :trilingva situacio, en kiu unu el la lingvoj havas pli malaltan pozicion.

## BIBLIOGRAFIO

- *Adamczuk L., Kobeckaite H., Pilecki Sz.*, "*Karaimi na Litwie i w Polsce*" (Karaimoj en Litovio kaj Pollando). *Warszawa*-Vilno 2003.
- "*Almanach karaimski 2007*" (Karaima almanako 2007), red. *M. Abkowicz. A. Sulimowicz. Wrocław* 2007.
- "*European Charter for Regional or Minority Languages. Charte européenne des langues régionales et minoritaires*". Konsilio de Eŭropo, Strasburgo, 1992.
- *Gąsiorowski S.*, "*Karaimi w Koronie i na Litwie w XV-XVIII wieku*" (Karaimoj en la Pola Reĝlando kaj Litovio dum la 15-18 jarcentoj). *Kraków* 2008.
- "*Mniejszości narodowe i religijne w Polsce*" (Naciaj kaj religiaj minoritatoj en Pollando). *Informator* 1995. *Wydawnictwo Sejmowe, Warszawa* 1995.
- *Pełczyński G.*, "*Karaimi polscy*" (Polaj karaimoj). Poznań 2004.
- *Pełczyński G.*, "*Najmniejsza mniejszość*" (La plej malgranda minoritato). *Warszawa* 1995.
- *Porębski A.*, "*Europejskie mniejszości etniczne. Geneza i kierunki przemian*" (Eŭropaj minoritatoj etnaj. Genezo kaj direktoj de ŝanĝo). *Kraków* 1991.
- *Szyszman Sz.*, "*Karaimizm. Historia i doktryna*" (Karaimismo. Historio kaj doktrino). Wrocław 2005.
- *Tomaszewski J.*, "*Ojczyzna nie tylko Polaków. Mniejszości narodowe w Polsce w latach 1918-1939*"(La patrujo ne nur de la poloj. Naciaj minoritatoj en Polando en la jaroj 1918-1939). *Warszawa* 1985.
- *Tomaszewski J.*, "*Rzeczpospolita wielu narodów*" (La Respubliko de multaj nacioj). Warszawa 1985.
- *Wrzesiński W.*, "*Polska - Polacy - mniejszości narodowe*" (Pollando - poloj - naciaj minoritatoj). *Wrocław* 1992.
- *Wysoczański W.*, "*Pogranicza etnojęzykowe w Polsce w ujęciu typologicznym*" (La etnolingvaj limregionoj en Pollando laŭ tipologia prezento), en: "*Studia nad językiem i kulturami europejskimi*" (Studoj pri eŭropaj lingvoj kaj kulturoj), red. *A. Furdal*, p. 75-83. *Wrocław* 1998.
- *Zajączkowski A., Zarys religii karaimskiej*" (Skizo pri la karaima religio). *Warszawa* 2003.

# *Julio 2009: kreskas la opozicio kontraŭ la nova prilingva leĝo de Slovakio*

La 30-an de junio, la slovaka parlamento aprobis modifon de la landa lingvoleĝo. Tiu ĉi modifo limigas la publikan uzadon de lingvoj aliaj ol la slovaka kaj antaŭvidas monpunojn ĝis 5000 eŭroj por nerespektantoj de la malpermeso. Pri tio protestis la slovakiaj minoritatoj, pluraj membroj de la Eŭropa Parlamento, kelkaj EU-membroŝtatoj kaj KSKE.

La leĝo kreas "lingvan policon" kiu devos monpuni ekzemple malsanulojn, kiuj volas uzi sian minoritatan lingvon en lokoj kie la kvanto da parolantoj de tiu lingvo troviĝas sub 20%.

La leĝo aplikendas al ŝtataj, lokaj kaj aliaj aŭtoritatoj, sed ankaŭ al leĝaj kaj fizikaj personoj, t.e. al entreprenoj kaj privataj civitanoj! La novaj normoj reguligas interalie lernejon, loknomojn, bankajn kaj teĥnikajn paperojn, statutojn de organizaĵoj, memorŝtonojn, varbadon, kulturajn eventojn, ktp.

La respondoj de la slovakaj politikistoj kaj aŭtoritatoj al eŭropa kaj hungara kritikado estis ĝis nun histeriaj kaj senenhavaj, kiel vi povas legi en *Eurolang*[1], Proteste al tiu ĉi situacio, kiu rompas ĉiujn eŭropajn idealojn pri kunvivado kaj plurlingveco, **IKEL** aliĝis al la peticio de la Instituto por Lingvistika Priserĉado de la Hungara Akademio de Sciencoj[2] Ankaŭ vi povas aliĝi!!!

*Daniele Vitali*

[1] www.eblul.org/index.php?option=com_content&task=view&id=225&Itemid=1

[2] http://peticio.nytud.hu/index.html.

Hèctor Alòs i Font

# SENELIREJO EN HISPANIO

*La 26-an de novembro la dek du ĉefaj kataluniaj ĵurnaloj publikigis komunan ĉefartikolon kun la frapa titolo "La digno de Katalunio". Per tiu senprecedenca ago ili volis atentigi la publikan opinion, kaj aparte la hispanan, pri la sento de laco kaj frustro pro eterniĝanta manko de decido de la Konstitucia Tribunalo de Hispanio pri la ĉefleĝo de Katalunio post pli ol tri-jara pritraktado kaj pro la diversaj indikoj, ke ĝi riskas malakcepti ne malgrandan parton de ĝia artikolaro. La Tribunalo kaj entute la hispana ŝtato staras antaŭ sakstrato, en kiun pelis ilin la ekstremiĝo de la hispana naciismo gvidata de la Popola Partio, akra partia kaj amaskomunikila batalado kaj diversaj misfunkcioj en la juĝa povo, kiuj nun evidentiĝas. Reage al tio, kaj plikomplikigante la situacion, la kataluna sendependismo kreskas kaj elpaŝas grandskale.*

La 30-an de septembro 2005 la Parlamento de Katalunio aprobis proponon pri nova Statuto de Aŭtonomio de Katalunio, la nova ĉefleĝo, kiu devus fiksi la limojn de la memregado de Katalunio ene de la hispana ŝtato. La proponon aprobis 90% de la parlamento, t.e. ĉiuj partioj krom la Popola Partio, kiu kunigas la tutan hispanan dekstron kaj kiu radikaligis sian naciisman mesaĝon ekde la registaroj de *José María Aznar* (1996–2004). Kiel fiksas la hispana konstitucio, la proponon devas akcepti aŭ modifi la hispana parlamento, kiu tion faris en majo 2006 post la enkonduko de multnombraj kaj esencaj ŝanĝoj, malgraŭ la balotpromeso de la socialisma ĉefministro *Rodríguez Zapatero*, ke oni akceptos la proponon, kiu venos el Katalunio. Tiuj amendoj kreis fortan malkontenton en Katalunio, tiel ke la sendependisma partio Respublikisma Maldekstro de Katalunio (tiam la tria partio en Katalunio kaj membro de la kataluna registaro) decidis ŝanĝi sian sintenon neen. Ankaŭ en la fina proceduro - referendumo en Katalunio pri la propono elirinta el la Hispana Parlamento - la malkontento esprimiĝis ĉefe per granda sindeteno: voĉdonis nur 49% de la rajtigitoj, kaj ne pli ol 74% el ili favoris la novan Statuton, dum 21% kontraŭis. Entute la Statuto estis akceptita la 18-an de junio 2006 kaj ekvalidis en aŭgusto.



Vikimedio, aŭtoro: *Xavier Vázquez*, 2007.

**Fasado de la kataluna Parlamento.**




Malgraŭ tiu kompleksa konstitucia proceduro finiĝanta per referendumo, la Popola Partio decidis plu impeti kontraŭ la Statuto prezentante en la sekva monato apelacion al la Konstitucia Tribunalo kontraŭ pli ol duono de la artikoloj (precize: kontraŭ la antaŭparolo, 12 dispozicioj kaj 114 de la 223 artikoloj). La elpaŝo, kvankam sendube laŭleĝa, estas riska, ĉar por la unua fojo oni kontraŭstaras leĝon, kiu estis referendume voĉdonita: la eliro el tiu situacio, se la verdikto favoras la Popolan Partion, estas malklara.

## LEGITIMECA PERDO DE LA KONSTITUCIA TRIBUNALO

La situacio plikaĉiĝis, kiam eksplodis batalo por kontroli la Konstitucian Tribunalon per sinsekvo de klopodoj malagnoski membrojn de la tribunalo por konformigi ĝin al la propraj politikaj interesoj. La

konflikto komenciĝis, kiam la Popola Partio la unuan fojon apelaciis al la Tribunalo, en novembro 2005, kontraŭ la tiam diskutata projekto kaj samtempe pledis por la malagnosko de tribunalano. Tiam oni malakceptis ambaŭ petojn. Tamen en decembro 2006, post la akcepto de dua apelacio kontraŭ la intertempe aprobita Statuto, la Popola Partio denove petis malagnoskon de la sama juĝisto kun la sama argumento: la juĝisto redaktis raporton en 2003 por la kataluna registaro, t.e. antaŭ la komenco de la redaktado de la nova propono de Statuto, kaj cetere por registaro de koalicio, kiu ne iniciatis ĝin. Tamen tiam ŝanĝoj de opinio en tre dividata tribunalo igis, ke oni akceptis la rean peton. La konsekvenco estis ok pliaj petoj de malagnoskoj de aliaj juĝistoj de la tribunalo. Ĉiuj eksigoj estis malakceptitaj, sed la lavango da petoj perdigis kredindecon de la Tribunalo.



Vikimedio, aŭtoro: *Invisgoth*, 2006.

**Konstitucia Tribunalo en Madrido.**

Sekvis provoj en la hispana parlamento por renovigi la Konstitucian Tribunalon, ĉar por diversaj membroj, inkluzive de la prezidantino, estis pasinta ilia naŭjara mandato. Denove akra batalo inter la partioj malhelpis la renovigon de la Tribunalo: la Popola Partio preferas la hodiaŭan konsiston, kiu rezultas de la tempoj, en kiu ĝi estis hegemonia en la parlamento, kaj la nun reganta Socialisma Partio kalkulas, ke la hodiaŭa konsisto ne estas tro malfavora por ĝi, kompare al la radikaluloj kandidatigataj de la Popola Partio por eviti la renovigon.

Tiuj bataloj evidente malfortigas la prestiĝon de la Konstitucia Tribunalo, en kiu nuntempe, el ĝiaj dek du membroj, unu estas apartigita de la diskutoj pri la Statuto, alia mortis kaj ĉe kvar finiĝis la mandato. Sendepende de la rezolucio, la perdanta partio facile povos konsideri ĝin ne plene legitima, kio riskas kaŭzi eĉ pli grandan konstitucian krizon ol eventuala malakcepto de la Statuto.

Kaj la fakto estas, ke tri jaroj kaj duono pasis post la aprobo de la katalunia ĉefleĝo, sed daŭre mankas verdikto, kaj ŝajne ĝi ankoraŭ foras pro la grava malsameco de opinioj interne de la Tribunalo. Tio ankoraŭfoje montras, ke la decido estos malpli jura ol gvidata de la politikaj sintenoj de la juĝistoj, sekve ke la Konstitucia Tribunalo plejparte ne agos justice, sed politike, stariĝante kvazaŭ ĉiorega ĉambro de la Hispana Parlamento. Por doni unusolan ekzemplon, la Tribunalo ŝajne kontraŭstaros la difinon en la enkonduko (sekve sen jura valido) de la katalunaj himno, flago kaj festo kiel "naciaj" (hispane, "*nacionales*", singulare "*nacional*"), konsiderante ke nur Hispanio estas "nacio" ("*nación*") kaj ke Katalunio estas nur "nacieco" ("*nacionalidad*") - jura termino kreita de la Hispana Konstitucio de 1978 por difini iujn partojn de la ŝtato, kie viglas aparta nacia sento (sed kiuj jure eble ne nomeblas kiel tiaj). Fakte ankoraŭ en 1984 tiu ĉi nova signifo de la vorto "*nacionalidad*" ne estis akceptita en la vortaro de la Reĝa Akademio de la Hispana Lingvo. Cetere, ŝajnas, ke la responda adjektivo en la hispana lingvo por "*nacionalidad*" estas "*nacional*" (tio estas, la sama kiel por la vorto "*nación*").

Antaŭ tiu akra politika batalado kaj kotĵetado de la ŝtataj institucioj la senpacienciĝo de la kataluna socio, jam unufoje trompita de la ĉionŝanĝinta Hispana Parlamento, videble kreskas. Plia sento de trompiĝo aperis, kiam evidentiĝis, ke la Statuto, retuŝita de la Hispana Parlamento kaj rezignacie akceptita de la ĉefaj katalunaj partioj kaj de plimulto de la katalunaj voĉdonintoj, ne sufiĉe klare difinis unu el siaj ĉefaj celoj - la limigon de la kontribuoj, per kiuj Katalunio kunfinancas la disvolvon de malriĉaj hispanaj regionoj, kaj kiuj kaŭzas strangajn paradoksojn, kiel tion, ke kataluna kuracisto en la publika sanservo ricevas malpli altan salajron ol lia kolego en la plej malriĉa hispana regiono, Ekstremaduro. Tamen okazis, ke la hispana registaro senzorge preteratentis la limdatojn fiksitajn en la Statuto kaj marĉandadis dum longaj monatoj sumojn kiuj, laŭ la antaŭaj diroj de la katalunaj politikistoj, estis klare fiksitaj.

Krome, kiam ekregas suspekto pri la legitimeco de la ŝtataj institucioj, estas malfacile haltigi la procezon de plidubindiĝo de tiuj institucioj. Pro tio la atakoj kontraŭ la legitimeco de la Hispana Konstitucio de 1978 fare de senpendismaj fortoj ŝajne gajnas terenon en la kataluna socio. Tiu teksto ja estis verkita de parlamento, en kiu ne ĉiuj partioj rajtis libere kandidatiĝi (ekz. estis malpermesita Respublikisma Maldekstro, kiu regis Katalunion dum la Dua Respubliko, 1931–1939). Krome la konstitucian parlamenton premis parto de la armeo, tiutempe plenplena de faŝistoj, en kiu bolis diversaj puĉ-komplotoj por starigi armee kontrolatan reĝimon. Krome evidentiĝas la paradokso, ke "*Alianza Popular*" - kiun

ĉefis eksaj ministroj de la frankisma diktaturo - estis unu el la partioj malplej favoraj al la Konstitucio, dum ĝia rekta posteulo, la hodiaŭa Popola Partio, igis la defendon de (sia interpreto de) la konstitucio unu el siaj plej ripetataj sloganoj. Sekve eĉ la Konstitucio riskas esti kontestata surbaze de la nefirma demokratia bazo, sur kiu ĝi estis redaktita, pro ĝia hodiaŭa akaparado fare de unu partio, kiu sin taksas ĝia sola vera defendanto en la hispana politiko.

Entute parto de la multiĝanta malkontento en Katalunio esprimiĝas per la laŭtiĝo de sendependismo, kio kompreneble nervozigas homojn kaj en Hispanio kaj en Katalunio (i.a. la katalunan burĝaron, kio povus parte klarigi la aperon de la komuna ĉefartikolo de la katalunaj ĵurnaloj).

## BANALIĜO DE KSENOFOBIO




Vikipedio, aŭtoro: *FDV.*

***Federico Jiménez Losantos* dum televida elsendo.**

La reagoj el Madrido al la komuna ĉefartikolo estis, kiel antaŭvideble, streĉaj. Kiel kutime, la potencaj amaskomunikiloj de la radikala hispana naciismo plej laŭte kriĉis. La plej insultema el tiuj ŝajn-ĵurnalistoj, *Federico Jiménez Losantos*, eĉ asertis, ke "la hispanoj estas la judoj de la katalunaj nazioj". *Jiménez Losantos*, iama komunisma batalanto kontraŭ frankismo, ekde la fino de la 1970-aj jaroj komencis defendi radikalan naciismon, kiun li mem taksas kiel "liberalismon". El diversaj amaskomunikiloj ĉiutage li lanĉas insultajn atakojn kontraŭ tiuj hispanianoj, kiuj ne sentas sin etne hispanaj, same kiel kontraŭ tiuj etnaj hispanoj, kiuj ne aliĝas al lia senkompromisa krucmilito kontraŭ tio, kion li konsideras naciismoj.

*Jiménez Losantos* estas unu el tiuj, kiuj defendas historian reviziismon, laŭ kiu la hispana civitana milito fakte komenciĝis ne en 1936, sed pro la ribeloj en 1934 en Asturio kaj Katalunio kontraŭ la respublika registaro. Tiu reviziismo prezentas ne nur bildon de la historio de Hispanio rimarkinde proksiman al tiu de la lernolibroj dum la frankisma periodo, sed ankaŭ pravigon de generalo Franko, kiun *Jiménez Losantos* konsideris en unu el siaj libroj kiel unu el la cent plej elstaraj hispanoj de la historio. Tiu reviziismo estis forte subtenata de la eksa ĉefministro *José María Aznar*, kiu en sia dua mandato (2000-2004) pretendis, ke tiuskolaj historiistoj verku instruprogramon komunan por ĉiuj lernejoj de la ŝtato.

Neniu el la ksenofobiaj atakoj kontraŭ katalunoj kaj eŭskoj lanĉitaj de *Jiménez Losantos* aŭ de liaj nemalmultaj samideanoj regantaj en granda parto de la madridaj amaskomunikiloj estis jure persekutitaj. Nenio okazis, kiam li kaj lia ĉirkaŭo ekz. lanĉis bojkot-kampanjon kontraŭ katalunaj varoj en 2005, kiu ja havis gravajn ekonomiajn sekvojn (i.a. la pliigon de la eksportoj de tiuj produktoj al aliaj merkatoj, sekve la malfortigon de la ekonomiaj ligoj interne de Hispanio, kiuj ja estas la bazo de la ŝtatunueco). *Jiménez Losantos* estis plurfoje kondamnita pro diversaj ofendoj, insultoj kaj misfamigoj (la plej alta monpuno ĝis nun estas 100 000 €), sed ĉiam pro atakoj kontraŭ unuopuloj (ekz. kiam li taksis juĝiston "teroristo"). Misfamigo de tutaj popoloj kaj esprimoj kiujn neniu akceptus pro ilia rasismo se ili trafus ekz. judojn, estas regule lanĉataj en liaj radielsendoj kaj artikoloj kontraŭ katalunoj kaj eŭskoj. Hispanio, kies juĝistoj disfamiĝis pro la persekuto de amasmurdintoj tra la mondo surbaze de la principo de t.n. "universala justico", ne nur ne okupiĝas pri siaj propraj amasmurdintoj dum la intercivitana milito kaj posta frankisma diktaturo, sed ankaŭ rigardas flanken, kiam de jaroj flamas kvazaŭ hispana versio de "Radio de la mil montetoj", kiu semis etnan malamon en Ruando, kaj kiun oni prave konsideras esenca kunkulpulo de la tieaj amasmurdoj de 1994.

## PLIFORTIGO DE LA HISPANA NACIISMO

Tiu historia reviziismo, parta pravigo de la frankismo kaj entute plifortigo de la hispana naciismo, ekskludanta aliajn naciajn sentojn ene de la ŝtato, peze sentiĝas ĉie: sufiĉas trarigardi, por preni unu facile konsulteblan ekzemplon, la hispanlingvan Vikipedion. Tralegado de ĝia prezento de la historio de Hispanio montras ion sufiĉe proksiman al la klasika rakonto kreita de la konservativaj hispanaj fortoj en la 19-a jc., fronte al ekz. la alternativa prezento de la federaciismaj respublikistoj. Eĉ pli: la hispanlingva Vikipedio ekskluzive uzas hispanigitajn loknomojn por la tuta teritorio de Hispanio, surbaze de pretendataj, sed ofte tre dubindaj, historieco kaj efektiva uzado, kaj kontraŭ tio, ke ne malofte tiuj formoj ne estas oficialaj (sed nomoj nur en la kataluna, galega, eŭska aŭ okcitana). Por hodiaŭa kataluna leganto legado de tiaj nomoj en Vikipedio kiaj *Tarrasa*, *Sardañola del Vallés*, *Villafranca del Panadés*, *San Baudilio de Llobregat* aŭ *San Lorenzo*




http://www.elpais.com

**Unu el la manifestacioj kontraŭ la politiko de la socialisma registaro, ĉi-okaze kontraŭ la gejaj edziĝoj. En la afiŝoj aperas "edzeco = viro kaj virino" sur la fono de la hispana flago (do, batalantoj por gejaj rajtoj estas malbonaj hispanoj aŭ ne estas hispanoj, inkluzive de la hispana registaro).**

*de Morunys*, inter multaj aliaj, memorigas faŝismon kaj sekve estas sentataj kiel subpremaj kaj ofendaj. Tamen la rea, forta kontraŭstarado de katalunaj vikipediistoj por ke oni ŝanĝu la normon en la hispana Vikipedio restis neaŭskultata, pro kio katalunoj ja rajtas taksi sin forpelataj el la hispana Vikipedio kaj entute el ĝia konceptado de Hispanio.

Simile okazis pri la t.n. "Manifesto por komuna lingvo" lanĉita en junio 2008 de pluraj elstaraj intelektuloj, inter kiuj *Mario Vargas Llosa*. La dokumento pledis, surbaze de specifa interpretado de la Hispana Konstitucio, por la konservado de la hegemonio de la hispana super la aliaj hispaniaj lingvoj sur la tuta teritorio de la ŝtato. Efektive mejloŝtono de la kataluna lingvopolitiko kaj aparte de la nova Statuto estas la plena egaligo de la kataluna kaj la hispana lingvoj laŭjure kaj laŭfakte, postulo kies realiĝo ankoraŭ foras. Tamen la hispana naciismo, surbaze de hegemonio kiun ĝi konsideras tradicia, kulture grava kaj justa, postulas la daŭran konservadon de lingvaj, kulturaj kaj naciaj hierarkioj. La neperfektan scion de difinita lingvo - de la sia - ili konsideras pruvo de neklereco kaj de ekstrema naciismo, dum la plenan nescion de alia lingvo - unu el la kunoficialaj en granda parto de Hispanio - ili taksas bedaŭrinda eco de la hodiaŭaj tempoj, en kiuj la subaj kulturoj devas demokratie mallevi la kapon antaŭ la triumfintoj de la Historio.

Laste kaj eĉ pli timinde, rimarkindas ke la Popola Partio en la lastaj jaroj pretendas akapari la naciajn simbolojn de Hispanio kaj starigi sin kiel la ĉampiono kaj sola gardanto de la hispanaj naciaj valoroj. Tio videblas, ekzemple, per la miriado da hispanaj flagoj flirtantaj en la diversaj amasmanifestacioj aranĝitaj de tiu partio (aŭ de organizoj proksimaj al ĝi) en la lastaj jaroj en Madrido kontraŭ la politiko de la socialisma registaro. Kiam dekoj aŭ centoj da miloj da homoj manifestacias ekz. kontraŭ registara leĝoprojekto pri abortigo kaj, kiel grupa identigilo, svingas milojn da hispanaj flagoj plenigantaj la stratojn, oni eksentas, ke la ŝtataj simboloj, eĉ la sento de aparteneco al difinita ŝtato, estas akaparataj de grupo, certe multnombra en Hispanio, defendanta radikalan asimilisman naciismon.

## REFERENDUMOJ POR LA SENDEPENDIĜO

Kompreneble el ĉio ĉi sekvas, ke la kataluna sendependismo plifortiĝis dum la nuna jardeko. Post du parlamentaj periodoj da regado de la Popola Partio en Hispanio, Respublikisma Maldekstro atingis aparte bonajn rezultojn en la balotoj por la kataluna kaj hispana parlamentoj de 2003 kaj 2004, kaj per 16% de la voĉoj ĝi fariĝis la tria plej voĉdonita kandidataro en Katalunio. Krome ekzistas sendependistoj ankaŭ en aliaj parlamentaj partioj, aparte en la dekstra koalicio Konverĝo kaj Unuiĝo (seninterrompe reginta Katalunion de 1979 ĝis 2003), kaj ankaŭ en eksterparlamentaj grupoj, ĉu ligitaj al municipa politiko (kie ili foje sufiĉe fortas), ĉu agantaj nur socie kaj kulture tra neregistaraj organizaĵoj. Tamen la fiasko de la Statut-propono de la Parlamento de Katalunio kaj internaj disputoj - ne malkutimaj en asembleaj partioj, kia Respublikisma Maldekstro estas - malpliigis la apogojn al al ĉi tiu sendependisma partio en la lastaj balotoj.

Ĉiuokaze en la kataluna sendependisma movado aperis strategio, ne ligita al la politikaj partioj, nome rekte organizi referendumojn por demandi al la loĝantaro, ĉu Katalunio fariĝu sendependa ŝtato. La



Vikimedio, aŭtoro: *Iker Parriza.*

**Manifestacio de Popola Partio en Madrido, 10-an de marto 2007.**

celoj estas diversaj, i.a. mobilizi la partianojn de sendependiĝo kaj restarigi tiun aferon kiel unualokan diskut-temon en la politiko. Sendependiĝo de teritorio estas malagnoskata de la Hispana Konstitucio, tamen la iniciatintoj certas, ke se la katalunoj, pace kaj demokratie, montras klaran deziron memstariĝi, estos neeble por Hispanio kontraŭi tiun volon, kaj ĝi devos iel interkonsenti pri la efektivigo.

La magistrato de *Arenys de Munt*, kun 8000 loĝantoj, en la periferio de la Barcelona aglomeraĵo, lanĉis por la 13-a de septembro konsulton inter la loĝantoj pri la demando: "Ĉu vi konsentas, ke Katalunio fariĝu plenrajta ŝtato sendependa kaj socia ene de Eŭropa Unio?" Tribunalo malpermesis, ke la magistrato organizu tian konsulton, pro kio la iniciaton transprenis loka asocio. Aliflanke, alia tribunalo permesis, ke faŝisma organizo manifestaciu en la urbeto en la tago de la konsulto: kurioza kontraŭdiro, ke oni malpermesas demokratian konsultadon, sed permesas la agadon de kontraŭdemokratiuloj! Ĉiuokaze la rezultoj estis konsternaj: el 41% da voĉdonintoj, pli ol 96% voĉdonis favore al sendependiĝo. La kvanto de voĉdonantoj ne estis tre alta (kvankam pli ol en eŭropaj balotoj), sed la jesoj superis la plej optimismajn prognozojn de la iniciatintoj.

Tio kaŭzis tujan ĝojflamiĝon de la sendependistoj kaj kaskadan kunvokadon, fare de urbaj registaroj, de referendumoj pere de asocioj. La 13-an de decembro venos la dua serio de konsultiĝoj: ili okazos en 161 kataluniaj municipoj (el 946) kun pli ol 700 000 voĉdonrajtigitoj (el 5,3 milionoj en la tuta Katalunio). Sekvos aliaj referendumoj en januaro (i.a. en Girona, unu el la kvar provincaj ĉefurboj). Certe, pro la kontraŭstaro de tiuj konsultoj fare de la Socialisma kaj la Popola partioj, mankas la plej grandaj urboj, en kiuj Respublikisma Maldekstro, "Konverĝo kaj Unuiĝo" kaj la lokaj sendependismaj grupoj havas malpli da apogoj, sed la rezultoj donos pli klaran bildon de la hodiaŭa forto de sendependismo en Katalunio kaj samtempe puŝas la aferojn en la politikan debaton kvazaŭ realigeblan aliron al la problemoj.

Sendube, okaze de efektive valida voĉdonado, la rezultoj estus iom aliaj ol tiuj, kiujn ni vidos, sed ankaŭ ĉiuj bone komprenas, ke se mistifikadoj, ĉikanadoj kaj eĉ insultoj daŭre venas de ŝtato, kiu tiel malbone defendas la legitimecon de siaj institucioj, plimultiĝos la voĉoj por paca kaj trankvila sendependiĝo de Katalunio. **HaiF**




Vikimedio, aŭtoro: *Josep Renalias*.

**Monkolekto por la financi la referendumon de la 13-a de decembro en *Sant Cugat*.**

### REFERENDUMO, 13-AN DE DECEMBRO

La referendumoj de la 13-a de decembro estis partoprenitaj de preskaŭ 30% de la voĉdonrajtigitoj, el kiuj 94,7% voĉdonis por la sendependiĝo. Kiel antaŭvideble, la voĉdonoj en la plej grandaj urboj, kie la referendumo okazis, estis malpli favora ol en la vilaĝoj. La rezultoj de la du plej grandaj municipoj, ambaŭ de la Barcelona ĉirkaŭurbo, estis la jenaj: *Sant Cugat del Vallès* (76 000 loĝantoj): 25% da partopreno, 92,3% da favoraj voĉoj; *Vilanova i la Geltrú* (65 000 loĝantoj): 15,6% da partopreno, 93,0% da favoraj voĉoj.] **HaiF**

*Sergi Rodriguez i Sender*

# LA FIASKO DE LA "LINGVOMERGA" INSTRUPOLITIKO EN KATALUNIO

*De Sergi Rodriguez Sanchez ni ricevis, en novembro 2009, ĉi tiun artikolon, kiun ni volonte publikigas (la kataluna kaj hispanlingva versioj aperas en la nova IKEL-retejo ĉe http://ikel.stel.net/kataluna.html). Ĉar sendube la temo estas diskutiga, ni publikigas tuj poste kelkajn konsiderojn de nia kataluna estrarano Hèctor Alòs i Font. Aliaj legantoj estas invitataj priopinii!*

Kun la alveno de demokratio en la hispanan ŝtaton, la katalunoj ekpensis ke finfine venis la momento en kiu ili povos rekomenci publike uzi sian lingvon, en la lernejo kaj en ĉiu ajn alia socia kunteksto.

La Statuto pri aŭtonomio de Katalunio, aprobita en 1979, garantiis al la lingvo leĝan statuson de kunoficialeco kun la hispana, ĉar la Konstitucio de Hispanio antaŭvidas ke la hispana lingvo estu oficiala sur la tuta teritorio de la ŝtato. Malgraŭ la evidentaj limigoj al kiuj oni submetis la katalunan lingvon, kreiĝis granda iluzio, nome ke la kataluna fariĝos denove la oficiala esprimilo en Katalunio.

Por atingi ĉi tiun celon, la aŭtonomia kataluna regis-




Vikimedio

**Stratnomoj en Katalunio estas ekskluzive en la kataluna.**

taro ekfunkciigis serion da mezuroj, kiel ekzemple stratnomoj kaj oficialaj surstrataj anoncoj en la kataluna, subvencioj al la komercistoj kiuj katalunigos la nomojn de siaj vendejoj kaj firmaoj kaj, ĉefe, ambicia edukplano bazita sur ekskluzive katalunlingva instruado, kaj en la elementa lernejo kaj poste. Ĉiuj fakoj devis esti instruataj en la kataluna, krom evidente la hispana kaj la fremdaj lingvoj. La leĝoprojekto, kiu sendube streĉis ĝis la ekstremoj la meĥanismojn de la hispana konstitucia normaro, povis aprobiĝi nur danke al fortega konsento de ĉiuj partioj reprezentitaj en la Parlamento de Katalunio.

La problemoj surtable estis enormaj: granda parto de la infanaro ne vere kapablis paroli katalune, ĉar temis pri idoj de hispanaj enmigrintoj, kaj, inter la infanoj kiuj parolis hejme en la kataluna, nur malmultaj kapablis ĝin skribi aŭ kutimis ĝin legi. Krome, granda parto de la instruistoj estis hispanlingvaj kaj malofte aŭ neniam parolis la katalunan, dum la efektivaj katalunparolantoj nesufiĉe regis la skriban lingvon.

La problemo estis tre serioza, kaj necesis trovi rapidajn solvojn: sekvo estis ke, anstataŭ trankvile pripensi la aferon kaj koncepti taŭgan modelon specife pensitan por la kataluna situacio, la respondeculoj pri edukado serĉis eksterlande la sekvendan modelon. Ili trovis ĝin en Kanado, pli precize en Kebekio, kaj nomis ĝin “lingva mergo” (**immersió lingüística**). Oni decidis submeti la infanojn, ekde la plej juna aĝo, al la influo de la kataluna lingvo dum ses aŭ sep lernejaj horoj tage, tiel ke ĉiuj rezultintaj konoj kaj spertoj estos en la kataluna. Oni esperis do ke, kiam tiuj infanoj estos plenkreskaj, oni estos akirinta kataluniĝintan socion, kun baza kaj parola kono de la hispana kaj plena kaj ĝeneraliĝinta kono de la kataluna.

Sed la eltrovo ne funkciis. Kial? Ĉar oni volis tro rapide kuri! Oni gapis antaŭ la kebekia modelo, sed ne pensis ke ĝi estis konceptita por socio kiu estis, sub multaj aspektoj, malsama de la nia. Unue, la kebekia modelo estis planita por malplimulto de anglalingvaj infanoj kiuj, elirante el la lernejo, trovis sin mergitaj en franclingva medio: tio ne okazis en Katalunio, kie la hispana plimultas en la Barcelonaj stratoj kaj estas praktike la sole uzata lingvo en la antaŭurboj; krome, la plimulto de la amaskomunikiloj estas en la hispana. Due, ĉar en Kebekio ĝuste la anglalingvaj infanoj estas mez- aŭ altklasa malplimulto, kun gepatroj de bona kultura nivelo, dum en Katalunio, almenaŭ en la publika lernejo, la infanoj estis plimulte hispanlingvaj kaj de meza aŭ malalta soci-kultura nivelo devenantaj de laboristaj familioj kun malalta kultura nivelo, tiel ke la interagado en kaj ekster la klaso estis kvazaŭ ĉiam en la hispana. Trie, ĉar multaj scipovis malmulte kaj malbone la katalunan, kaj kelkaj instruistoj eĉ rifuzis uzi ĝin, tiel ke la kataluna ne atingis la infanojn sufiĉe ofte aŭ bonkvalite.

La fiasko de la modelo post tridek jaroj da aplikado atentigas nin pri la granda komenca eraro. Tutcerte la katalunparolantoj plu fidelas al sia lingvo, kaj tiu ĉi ne perdas uzantojn, kiel fakte ĝi neniam perdis, sed




Vikimedio.

**Kataluna elementa lernejo en *Tramuntana*.**

certe ankaŭ ĝi ne gajnis novajn parolantojn. Maksimume, ni povas diri ke bona parto de la hispanlingvaj katalunoj pasive konas la lokan lingvon, sed malmultaj kapablas ĝin aktive uzi, nek vere deziras tion fari, ĉar ili ne bezonas: la lingvo kiu hodiaŭ absolute necesas por vivi en Katalunio estas la hispana. Tion bone komprenis la miliono da enmigrintoj kiuj envenis el la tuta mondo dum la lastaj dek jaroj: nur tiuj kiuj havis personajn kialojn, aŭ tiuj kiuj ekvivis en kamparaj zonoj, kie la kataluna estas plimulta, vere estas aktivaj kaj kompetentaj parolantoj de la kataluna. Dum komence de la 20-a jarcento la katalunparolantoj reprezentis 80 procentojn de la loĝantaro de Katalunio, unu jarcenton poste la nombro malaltiĝis al 40 procentoj. La unuaj ondoj de enmigrintoj de la 19-a kaj komenco de la 20-a jarcento estis malrapidaj kaj re-

gulaj, kaj integriĝis pli-malpli bone en la katalunlingva medio, dum la samo ne okazis kun la amasa alveno de hispanaj enmigrintoj en la 60-aj kaj 70-aj jaroj, kiuj estis ĉirkaŭ unu miliono kaj duono.



Vikimedio.

**Bildo de la (centra konstruaĵo) de la Universitato de Barcelono, la plej granda universitato de Katalunio kun pli ol 80.000 studentoj. Du trionoj de ĝiaj klasoj okazas en la kataluna.**

Jen la situacio de Katalunio. En la restantaj katalunlingvaj teritorioj, kiel Valencilando, parto de Aragono kaj Murcio, Andoro, la francia Ruseljono kaj la sardia Algero, la situacio estas multe pli malfavora.

### EBLA SOLVO?

Necesas sekvi la ekzemplon de la valencianoj, kiuj pere de *Els Casals Jaume I* kreis popolajn asociojn por la defendo kaj plivastigo de la kataluna ekster la oficialaj instancoj, kiuj siavice ne scias nek volas ion ajn fari, ĉar ili scias ke fari ion dubigus ilian aŭtoritaton. Necesas repensi la katalunan deirante de la socio, ne de la politiko. ***SRiS***

Tradudis *Daniele Vitali*

## Komentoj de *Hèctor Alòs i Font*

La bilanco de la aŭtoro ŝajnas al mi tro katastrofa: mi konas dekojn da hispanlingvanoj el la Barcelona antaŭurbo, lernintaj la katalunan en la lernejo, kiuj bone interagas kun mi katalune (ĉar mi preskaŭ ĉiam parolas nur katalune, kaj ili konverĝas en mian direkton anstataŭ mi en ilian, kiel plej ofte okazas). Alia afero estas kvantigi tiujn, kiuj kapablas "flue" paroli (sed kiel difini tiun ĉi koncepton?) kaj kiuj tion faras kun ia reguleco.

### LA KEBEKA MODELO

Aliflanke, neniel oni difinis kiel celon, ke la homoj ne scios je bona nivelo, parola kaj skriba, la hispanan: preskaŭ neniu akceptus tion, komencante per la kataluna burĝaro, kiu ja volas bone gardi sian hispanan merkaton kaj por tio bezonas homojn perfekte konantajn la ĉefan lingvon de siaj klientoj. Cetere, se la modelo estas Kebekio (kio veras) pro similaj kialoj en Kebekio neniu emas seniĝi je la scio de la angla, do tiu ŝajna celo ne troviĝas en la modelo (male: la modelo substrekegas, ke ĝi ne malpliigas la nivelon de scioj de la dominanta lingvo). Cetere, la fakto, ke oni havas malaltajn sociajn klasojn principe devus favori la translingviĝon kaj la transetniĝon je la dua aŭ tria generacio. Do eblus ankaŭ fari iom alian analizon ol tiu de la aŭtoro.

### PRI CIFEROJ

Detalo: laŭ mia memoro, la naskiĝintoj en Katalunio je 1900 estis ĉ. 95%, do estis praktike tiom da denaskaj katalunlingvanoj. 80% ŝajnas al mi tre malalta nombro. Aliflanke, indus aldoni absolutajn kvantojn da loĝantoj ĉar, sen scio pri la kvanto de la loĝantoj, unu miliono da enmigrintoj en dek jaroj kaj 1,5 en dudek ne multon diras (aldone al 6 milionoj da loĝantoj, en la unua okazo, kaj al 3,5-4 en la dua).

### PRI LA KONKLUDO

Fine la konkludo estas provoke unuflanka. Nedubeble la kataluniaj aŭtoritatoj faras multon por la kataluna, i.a. per la eduksistemo kaj per la lingvoinstruado al 90.000 plenkreskuloj, kiuj libervole lernis la katalunan en la lernojaro 2007-2008. Krome la lingvopolitikaj instancoj saĝe kombinas desuprismon kaj desubismon, ekz. per la uzado de miloj da "volontuloj por la lingvo" por la t.n. "lingvaj paroj", kie normalaj katalunlingvanoj kaj lernantoj de la kataluna duope regule renkontiĝas kaj praktikas la lingvon (dum samtempe kuniĝas aŭtoktona loĝantaro kaj nova enmigrantaro kaj oni kontraŭbatalas rasismon kaj soci-skismiĝon).

Efektive tre timindas la evoluo de la aferoj ĉe gejunuloj, kie la kataluna ofte sentiĝas malmojoza[1], pure administracia lingvo, iaspeca niatempa latino (pro kio la lasta numero de la reta socilingvistika revuo *Noves SL*, eldonita de la Sekretariato pri Lingvopolitiko de la kataluna registaro, www6.gencat.net/llengcat/noves/index.htm dediĉis sian lastan numeron ekskluzive al tiu temo).

Tamen pretendo, ke oni devas ĉesi la desuprajn politikojn, ĉar ili ne plene atingas la deziratajn celojn, kaj postuli ekskluzive rezisto-agadon, kvazaŭ Katalunio troviĝus sub frankismo (aŭ sub la ne malproksima lingvopolitiko de la Popola Partio elde la valencia registaro) evidente estas ĉefe provoka sinteno. Same provokas taksi imitinda la agadon de la defendantoj de la kataluna lingvo en Valencilando,

kiuj tamen baraktas kontraŭ la nenifarado kaj eĉ kontraŭagado de sia registaro kaj kiuj ja ŝatus, ke ĝi lingve agu laŭ la modelo de la katalunia (kompreneble, ŝanĝante detalojn i.a. ĉar la sociaj realaĵoj ne egalas).
Sendube, la estanteco de la kataluna tute ne estas kontentiga, sed ne ekzistas miraklaj solvoj (ankaŭ ne la prifabelata sendependeco). Necesas daŭra laborego, serioza faka analizado de la faktoj kaj, sendube, daŭra mobilizado de la parolantaro (kio, sincere, malfacilas). Klaras, ke la denaskaj katalunlingvanoj, pro pure demografiaj kialoj ligitaj al pasintaj, hodiaŭaj kaj estontaj enmigradoj (kaj la fekundeco de la novvenintoj pro kulturaj kaj aĝaj kialoj), fariĝos pli kaj pli minoritataj en Katalunio. Klaras, ke la lavanga uzo de la hispana fortege premas la katalunan kaj okulfrape evoluigas ĝin al pli kaj pli granda asimiliĝo (fonetika, leksika, morfologia, sintaksa kaj stila). Klaras, ke la perdo de surstrata uzado pro minoritatiĝo de la katalunlingvanoj (ĉefe ĉe la pli junaj generacioj), dum, inverse, la lingvo reakiris grandan parton de siaj formalaj uzoj, konceptigas ĝin en la psikoj de multaj junaj katalunoj, aparte en la Barcelonaj antaŭurboj, kiel lingvo ĉefe de la aŭtoritato, sekve ne aparte simpatia. Parte al tio kontribuas (kaŭze kaj konsekvence) tio, ke la kataluna malmulte rolas en la libertempo de la plejmulto de la junularo, kiu estas tre ligita al la ekonomiaj fortoj de tutmondiĝo. Klaras, ke la kataluna nur minore rolas en la entreprena vivo, kaj ke tio estas unu el la esencaj problemoj alfrontendaj de la lingvopolitiko. Sekve vivi nur en la kataluna estas praktike neebla, sed samtempe vivi en Katalunio ne scipovante la katalunan kaŭzas marĝeniĝon kaj malfaciligas supreniri en la socian skalon (krom se oni jam staras en ties pinto). Kaj fine klaras, ke la konstantaj akregaj atakoj de la laŭta kaj tre potenca hispana naciismo (kiu balote regule ricevas plimulton de la voĉdonoj de la etnaj hispanoj kaj kontrolas multajn gravajn amaskomunikilojn en Hispanio) kaŭzas malpacan etoson, ekstreme lacigan, en kiu oni devas pravigi elementajn aferojn kaj rajtojn, kiuj ŝajne jam devus esti plene akceptataj kaj komprenataj tridek jarojn post la faŝismo. Tiu kontraŭstaro ĉiel malhelpas la enkondukon de novaj politikoj akceptataj de la larĝegega plimulto de la kataluna socio (t.e. regule 90% de la voĉoj de la kataluna parlamento).
Entute la situacio ja estas kompleksa kaj malfacila. Certe eblas fari pli bone, sed ne ĉiam evidentas la farendaj paŝoj, nek la limigita leĝa kadro permesas grandegajn saltojn (verŝajne ankaŭ ne la loĝantaro). Ĉiuokaze, malgraŭ ĉio, tre eble preskaŭ ĉiuj aliaj senŝtataj subordigitaj lingvokomunumoj en Eŭropo ja ŝatus havi la gravajn problemojn, kiujn alfrontas la katalunlingva komunumo en Katalunio.

***HAiF***

Ndr:
[1] El la radiko -mojosa-, kiu venas de la junulara medio. Ĝi egalas la anglan vorton -*cool*- kaj signifas -bonega- aŭ -laŭ la sociaj normoj de la junularo-. Ĝi estas mallongigo de la kunmetaĵo -modernjunstila-. Vidu: http://eo.wikipedia.org/wiki/Mojosa.

# KONCIZE EL ...

**EŬROPA UNIO PLIVASTIGAS LA UZON DE LA KIMRA LINGVO.** La uzado de la kimra en la eŭropaj institucioj antaŭenpaŝis la 9-an de julio 2009 kiam *Sir Kim Darroch*, brita ambasadoro ĉe EU, subskribis interkonsenton laŭ kiu eblas skribi al la Eŭropa Komisiono en la kimra kaj ricevi respondon en la sama lingvo.
La interkonsento sekvas similajn decidojn faritajn pasintjare, kiuj ebligis uzi la kimran dum eŭropaj renkontiĝoj je ministra nivelo kaj dum la kunsidoj de la Komitato de Regionoj de Eŭropa Unio.

El EU-fontoj, raportas *Daniele Vitali*.

**HISPANIO. Regreso en Galegio kaj Eŭskio.** La elektoj en Galegio kaj Eŭskio renversis la antaŭajn registarojn kaj enpostenigis por-hispanajn partiojn. La unuan de marto la dekstra hispanisma Popola Partio denove gajnis la elektojn per unu sola deputito, forpelante la koalicion de la Hispana Laborista Socialisma Partio kaj la Galega Nacia Bloko, regintan en la pasintaj kvar jaroj. Samtage en Eŭskio la adicio de la parlamentanoj de la Hispana Laborista Socialisma Partio kaj la Popola Partio atingis la plimulton de la parlamento kaj elektis *Patxi López*, de la socialisma partio, kiel prezidanton de la eŭska registaro, post dudek jaroj da registaroj de la Eŭska Nacia Partio. Ĉi-okaze, la hispana justico malpermesis la kandidatiĝon de la plimulto de la eŭskisma maldekstro (regule pli ol 10% de la voĉdonoj), pretekste ke ĝi estas terorisma organizaĵo, kio klare favoris la hispanismajn partiojn. Aldonindas, ke la sama partio, kiu en Sud-Eŭskio estas taksata terorisma kaj ne povas kandidatiĝi, en la france regata Nord-Eŭskio agas kaj rajtas agi kiel tute normala politika organizaĵo. Tiu ege kontestinda sinteno de la hispanaj aŭtoritatoj kaj justico atendas de jaroj apelacion en la internacia kortumo de Strasburgo. *Hèctor Alòs i Font* (sekvo p.34)

*Guiu Sobiela-Caanitz*

# *NIA TRILINGVA KANTONO*

## Grizono: lingva enketo pri neegala kunekzisto

*La legantoj de **Etnismo** jam konas Guiu Sobiela-Caanitz, fakulo pri la romanĉa kaj ĵurnalisto en la romanĉlingva taggazeto La Quotidiana. Sed la aŭtoro estas ankaŭ bona konanto de la svisa politika strukturo kaj fervora apoganto de plurkultureco. En tiu ĉi artikolo li recenzas gravan studon pri la romanĉa kulturo, kiu lastjare aperis en Germanio kaj kiu respegulas la plej novajn enketojn pri Grizono. Niaj legantoj scias, ke Grizono estas unu el la 23 svisaj kantonoj, trilingva kantono, la sola en kiu paroliĝas la svisa lingvo plej malmulte parolata.*

Dulingvismon oni ja konas. Ekde la Viena Kongreso Svislando havas tri kantonojn, kie la germana kaj la franca estas oficialaj. Tiu reĝimo havis plusojn kaj minusojn, sed entute hodiaŭ ĝi bone funkcias. Bielo, kun siaj 50.000 loĝantoj, povus lecioni al Bruselo-Ĉefurbo, kie latente konfliktas flandroj kaj franclingvanoj; estas nenia *Manneken-Pis* piede de *Taubenloch*, sed tie dulingvismo delonge bone funkcias. La du lingvoj entute pli malpli situas je la sama nivelo de graveco; ekde dudek jaroj oni pli studas la germanan en centra kaj orienta Eŭropo, dum multaj landoj anstataŭigis la francan per la angla kiel dua lingvo. Sed oni ofte forgesas, ke Svislando havas ekde 1803 trilingvan kantonon, kiu samtempe estas la plej vasta. Eĉ plie, antaŭ la naskiĝo de la kantono Grizono, la respubliko de la tri raetaj Ligoj estis trilingva – eĉ kvarlingva se oni konsideras la latinan, skribe kaj parole uzitan de la du Eklezioj; tio ebligis, meze de la dekoka jarcento, al brila grizona kandidato je pastoreco fari la plej grandan parton de siaj studoj en la hungarlingva Transilvanio. Sed la grizona trilingvismo ĉiam estis iom lama; la romanĉa, pure loka lingvo, neniam havis la disradiadon de la germana kaj de la itala, kaj tiu lasta perdas terenon, en Grizono kiel en Eŭropo. Oni povus parafrazi *George Orwell* (1903-1950) dirante: «Ĉiuj lingvoj estas egalaj, sed unu el ili estas pli egala ol la du aliaj». La rezulto de la nombrado farita en la jaro 2000 parolas per si mem: la ĉefa lingvo estas la germana por 127.755 personoj (68,3 % de la loĝantaro), la romanĉa por 27.038 (14,5 %) kaj la itala por 19.106 (10,2 %), kun la albana, la portugala, la serba ktp por la resto, sed aliaj faktoroj ankoraŭ pli malhelpas la du aŭtoktonajn minoritatojn novlatinajn, kies handikapo estas parte sendependa de homa volo. Skipo de kvar socilingvistoj efektivigis en Grizono vastan enketon deciditan de la Instituto pri esplorado de la grizona kulturo kaj subtenitan de la Nacia Fonduso, la Kultura Promocio de la kantono Grizono kaj la du kulturaj asocioj "*Lia rumantsch"a* kaj "*Pro Grigioni Italiano*". El tio aperis libro kun 458 paĝoj, ĉefe en la germana, krom ĉapitro de 94 paĝoj en la itala kaj la enkonduko kaj konkludo prezentitaj en la tri grizonaj lingvoj. Tiu dika volumo estis publikigita en lingvistika kolekto direktita de svisaj universitatuloj, sed eldonita kaj presita en Germanio, kio montras ĝian internacian gravecon. Ĝi renovigas la tradician vidmanieron pri la grizona trilingvismo kaj rekte detruas iujn tabuojn. Por pli klare vidi la situacion en la kulturaj mikrokosmoj de tiuj alpaj valoj legendas tiu libro, malfacila en iuj partoj sed farĉita per anekdotoj, kiuj gustas aŭtente.



Vikimedio.

**Situo de la grizona kantono en Svislando.**

### LA ITALLINGVAJ VALOJ

Ĉu oni almenaŭ scias, ke Grizono entenas itallingvajn valojn? Ne malmultaj svisoj opinias, ke la itallingva Svislando reduktiĝas je Tiĉino. Kia eraro! Prenu do belan bluan centfrankan bileton, kaj vi havos enmane la portreton de famega itallingva grizonano, la skulptisto, desegnisto kaj pentristo *Alberto Giacometti* (1901-1966). Unu el liaj samlandanoj estis D-ro *Guido Giacometti* (1892-1979), vera bonfaranto por la homaro, prezidanto kaj poste sekretario de la Internacia Asocio de Pediatrio. La itallingva areo de Grizono entenas tri partojn disdividitajn de apendicoj, kiuj apartenas al la itala provinco de *Son-*

*Sondrio*. La du plej etaj partoj, kiuj rekte ebligas aliron al tiu provinco, estas la valoj *Poschiavo* kaj *Bregaglia*; norde de ĉi tiu lasta, sed sen rekta komunikeblo kun ĝi, troviĝas la vilaĝo *Bivio*, tradicie itallingva sed hodiaŭ plejparte ĝermanigita. La tria kaj ĉefa parto entenas la valojn *Mesolcina* kaj *Calanca*; ĝi rekte aliras la kantonon Tiĉino apud ĝia ĉefurbo *Bellinzona*. La alpaj lombardaj dialektoj pli bone konserviĝis en la supraj ol en la subaj valoj; en *Poschiavo* (3225 loĝantoj), interalie, la enmigrantoj povas vere integriĝi nur lernante la dialekton. La aŭtoro de la ĉapitro dediĉita al tiu valoj, kiu mem devenas el *Bregaglia*, notas kontraŭdiran sintenon de la itallingvaj grizonanoj rilate ilian lingvon: unuflanke ili ĝin tre ŝatas kaj pri ĝi fieras, aliflanke ili konsideras ĝin obstaklo por sia plena integriĝo en la civitanaro de Grizono, kies politika vivo okazas preskaŭ nur en la germana. Ili do plej grave taksas bonan konon de tiu lingvo. En *Bivio*, male, la alemana plimulto diras, ke ĝi tre kontentas pri la konservo de la itallingva elementa lernejo. Sed en germanlingva parto de Grizono oni ne tre ŝatas, ke la dua lingvo instruita en la elementaj lernejoj estas ĝenerale la itala; plejmultaj preferus la anglan, forgesante, ke estas pli bone por infano studi unue la plej malfacilan lingvon, tio estas, por alemano, la itala. Koiro, la kantona ĉefurbo, estas pli malfermita al la latinlingvaj malplimultoj, danke interalie al la grandkonsilanto *Martin Jäger*, ĉefo de la Lerneja Konsilantaro, kaj al la eks-nacikonsilantino *Silva Semadeni*, el *Poschiavo*, instruistino en Koiro. Ekde la jaro 2000 ekzistas dulingvaj klasoj german-itallingvaj kaj german-romanĉlingvaj. Ni aldonu, ke la kantona gimnazio en Koiro pretigas al du tipoj de abiturekzameno (german-itala kaj german-romanĉa).

## KIEN IRAS LA ROMANĈA ETNO?

Ĉu la romanĉa lingvo postvivos la dudek-unuan jarcenton? Nuntempe ĝi ja vivas. Ĝis la fino de la lasta jarcento, ĝi ne disponis pri iu ajn skriba lingvo komuna, kiu suprus al ĝiaj diversaj dialektoj; por skribi kaj instrui, oni uzis unu el ĝiaj kvin regionaj variantoj, kaj la kantona administrado kontentiĝis per ĝiaj du ĉefaj. Sed la disvastiĝo de komputiko igis tiun situacion pli kaj pli neeltenebla, dum la nombrado de la jaro 1980 evidentigis, ke nur 21,9 % de la kantona loĝantaro deklaras sin romanĉlingva. Per aŭdaca manovro "*Lia rumantscha*" petis la lingviston *Heinrich Schmid* (1921-1999), fakulon rekonitan kaj respektitan pri la romanĉaj dialektoj, konstrui sintezan lingvon komunan, celantan la skriban uzon kaj facile kompreneblan por la romanĉa loĝantaro. *Schmid* inspiriĝis interalie de la genezo de similaj lingvoj komunaj nuntempe uzataj, kiel la makedona kaj la nov-norvega, tiu lasta oficiala en ĝia lando ekde 1892. Surbaze de la tri ĉefaj romanĉaj variantoj, *Schmid* izolis en sia retorto la *rumansch grischun* (poste *rg*), kies ellaboradon finance subtenis la Nacia Fonduso kaj la kantono Ĝenevo. En la daŭro de kelkaj jaroj aperis ĉiaspecaj tradukoj, certigante la videblan ĉeeston de longe ignorata lingvo. En 2001, sekve de popola voĉdonado, la kantono rezignis pri la uzado de la regionaj variantoj favore al *rg*. En 2007, post jaroj de pretigado, pluraj elementaj lernejoj ekalfabetigis la infanojn en *rg*; ĉiujare kreskas do la nombro de la klasoj, kie oni legas kaj skribas en *rg* kaj daŭre parolas en la loka varianto, kiel en la lernejoj de la nov-norvega areo. Tiu evoluo estas kontraŭbatita en la tre germanigita regiono de Alta Engadino, kies loka varianto, la *puter*, ege malfortigita, estis malmulte konsiderata de *Schmid*




Vikimedio.

**Lingva disdivido en la grizona kantono.**

dum la ellaborado de *rg*. La lernejo restis en la romanĉa, sed fariĝante insulo meze de germanlingva maro; la instruistoj, pri kies sindonemo oni ne rajtas dubi, timas, ke la alfabetigo en *rg* findetruu la romanĉan. La municipo de *Samedan* (Alta Engadino), samtempe konservante la *puter*, enkondukis dulingvismon en ĉiujn unuagradajn klasojn. Tiu novigo ekigis entuziasmon, sed ĝiaj limoj rapide manifestiĝis. Jam en 2002, mezperioda raporto notis, ke la enkonduko de la germana en la lernejojn favoras la komunikon en tiu ĉi lingvo. La lerneja dulingvismo ne multe plibonigis la pozicion de la romanĉa en la ĉiutaga vivo. La plej gravaj pro-

blemoj okazas je la municipa mezgrada lernejo, kie mankas pedagogia materialo kaj dungitaro bone trejnita en *puter*. La situacio estas pli favora en la gimnazio de *Samedan*, kie oni povas pretigi dulingvan abiturekzamenon (germanan-romanĉan), danke al la biologiaj kaj geografiaj kursoj faritaj de *Jost Falett*, eks-prezidanto de "*Lia rumantscha*". Koncize dirite, la situacio de la romanĉa estas konstrastita, ombroj kaj lumoj siavice aperas. La *rg* ebligis grandajn progresojn sur la kultura kampo; la lingvo pli evidentiĝas ol antaŭ kvaronjarcento, ekzistas bonnivela ĉiutaga romanĉa gazeto, sed la retenemo rilate al la novigoj bremsas adaptojn fakte neeviteblajn. Ĉu ne tie vere kuŝas centra problemo por la lando en tiu nia jarcento de anglomana tutmondigo? ***GSC***, *Ardez* (Grizono)

Matthias Grünert *et alii*, Das Funktionieren der Dreisprachigkeit im Kanton Graubünden. Volumo 127 el la kolekto «Romanica Helvetica». *Tübingen* kaj Bazelo (A. Francke, ISBN 978-3-7720-8303-7) 2008.

Tradukis *Alain Favre*

---

*KIMURA Goro Christoph*

# NOVAJ EVOLUOJ EN LA JAPANA AINO-POLITIKO

Kiel plej verŝajne konate al la legantoj de nia gazeto, en Japanujo, ĉefe sur la norda insulo Hokajdo, popolo nomata ainoj loĝas[1]. Ilian nombron oni taksas je ĉ. 27.000. Ĝis antaŭ ne longe ainoj estis agnoskitaj kiel "nacia malplimulto", sed ne oficiale kiel indiĝenoj (praloĝantoj). Tamen, lastatempe ŝanĝo de registara sinteno okazis, almenaŭ koncepte. La 6-an de la 6-a monato de 2008, la japana parlamento akceptis rezolucion por ke la registaro agnosku ainojn kiel "indiĝenan popolon". Samtage la registaro responde deklaris, ke ĝi tiun rezolucion aprobas. Tiu ŝanĝo de sinteno estas sekvo de tio, ke en la 9-a monato de 2007 ĉe Unuiĝintaj Nacioj akceptiĝis Deklaro pri la Rajtoj de la Indiĝenaj Popoloj, kiun ankaŭ la japana registaro, kvamkam hezite, poris.



http://www.frpac.or.jp/eng/e_prf/profile05.html

**Simbolo de la "Fondaĵo por Esploro kaj Disvolvo de la Aina Kulturo". La koncepto de tiu simbolo estas bazita sur la otuso (tufostrigo), besto kiu gravas en la aina kulturo.**

Ĉi-okaze ni retrorigardu la ĝisnunan ŝtatan politikon rilate al ainoj, fokusante al sekvoj de la "leĝo por disvolvi la ainan kulturon" el la jaro 1997, por taksi la signifon de plej novaj evoluoj, kiujn mi prezentos fine de la artikolo.

### LEĜO POR DISVOLVI AINAN KULTURON

Ekde 1984 la plej granda organizaĵo de ainoj, la Hokajda Aino-Asocio, agadis cele al nova leĝo por ainoj, kiu anstataŭu la asimiligeman "leĝon por protekti la iamajn praloĝantojn en Hokajdo" el la jaro 1899 (!). La elektiĝo de KAYANO *Sigeru*[2], konata aina kultura aktivulo, kiel membro de la Ĉambro de Konsilistoj [la supera ĉambro de la japana parlamento] en 1994 (li estis la unua kaj ĝis nun sola aina parlamentano) akcelis la movadon por nova aino-leĝo, kaj en 1997 nova leĝo por ainoj estis aprobita. Por plenumi la leĝon, samjare kreiĝis "Fondaĵo por Esploro kaj Disvolvo de la Aina Kulturo". La fondaĵo financatas po duone de la ŝtato kaj po alia duono de la gubernio de Hokajdo. La nova leĝo kaj la fondaĵo ĝenerale konsideratas kiel indiko de nova direkto en ŝtata aino-politiko, sed ainoj mem ne bonvenigis unuanime kaj plenkore tiujn okazaĵojn.

### REAGOJ KAJ SEKVOJ

Ĉefa kialo de kritikoj estis malsameco inter la origina leĝpropono kaj la realigita leĝo. La origina leĝpropono de la Aino-Asocio entenis ne nur kulturajn, sed ankaŭ politikajn kaj ekonomiajn postulojn por kontraŭagi longdaŭran politikan ignoradon al ainoj kaj ekonomian malbonstaton de multaj ainoj. La leĝpropono celis fondon de "Fondaĵo por Memstarigo de la Aina Popolo", kiun ainoj mem administru. En la realigita nova leĝo, aliflanke, temas nur pri disvolvo de aina (tradicia) "kulturo". Multaj ainoj kritikis la fakton, ke subteno al ainoj reduktiĝis al subteno de tradicia kulturo. Plej akraj kritikantoj eĉ nomis la novan leĝon "trompleĝo".

Sed malgraŭ tiaj kritikoj, la Aino-Asocio kaj aliaj ainaj organizoj akceptis la leĝon kiel paŝon antaŭen. Kaj individuoj kaj grupoj komencis utiligi fondaĵan subvencion por siaj agadoj. Rilate al subvencioj aperis baldaŭ alia kritikpunkto pri la leĝo kaj la fondaĵo. Nome, ke la valorigo de esploro kaj tradicia kulturo privilegias tiujn kun alta eduknivelo kaj speciala kono pri tradicia kulturo. Tiaj estas nur malplimulto inter ainoj. Leviĝis voĉoj, ke la subvenci-politiko kreas novajn tavolojn kaj pligrandigas diferencojn ene de la aina popolo. Kulturo, kiu ja devus kontribui al fortigo de komuneco, iĝos ilo por distranĉi la ainan komunumon, kritikantoj asertis.



**La vojaĝo de tiuj ainaj dancistoj al Tokio estis financita de la Fondaĵo por Esploro kaj Disvolvo de la Aina Kulturo.**

Tamen baldaŭ montriĝis, ke ne nur konataj kulturportantoj subvenciiĝis, sed ankaŭ homoj, kiuj antaŭe ne ŝajnis aparte interesataj pri tradiciaĵoj de sia popolo. Tion oni konstatis kun miksitaj sentoj. Kelkfoje la seriozeco de tiaj nov-ekaktivuloj estis pridubata de longjaraj aktivuloj, kiuj ĝis tiam vivtenis la ainan kulturon sub ofte malfacilaj kondiĉoj. Aldone kelkaj kulturaktivuloj avertis pri instituciiĝo de la aina kulturo, kiu povus konduki al dependiĝo de la ŝtato aŭ de la plimulta japana popolo. Ni notu, ke plejmulto de la fondaĵaj postenoj gvidaj kaj administraj, inkluzive tiun de la ĉefdirektoro, estas okupataj de ne-ainaj japanoj. Iu maljuna aina aktivulo alvokis al siaj sampopolanoj, ke ili "ne postkuru monon, kiun la ŝtato disŝutas".

Aliflanke konstateblas, ke la subvencio ebligis ankaŭ al tiuj kontaktiĝi kaj okupiĝi pri la aina kulturo, kiuj antaŭe ne havis okazon aŭ estis malhelpitaj pro ekonomiaj kialoj. Ekzemple mi legis raporton pri ainaj viroj, kiuj danke al la subvencio de la fondaĵo unuafoje povis partopreni en kurso de tradicia skulptado k.s. Al junaj ainoj la renkontiĝoj kun aliaj indiĝenoj, ankaŭ financitaj de la fondaĵo, donis okazon repensi pri sia identeco. Ekzemple ni vidu parton de raporto de juna aina virino, kiu nun okupiĝas pri revivigo de la tradicia aina kulturo:

"Kiam mi estis studento mi partoprenis en junulara interŝanĝo kun indiĝenoj de Havajo. Antaŭ tiu okazaĵo mi emis subpremi mian ainan identecon, en medio cirkaŭata de la japana plimulto. Sed la renkontiĝo kun memfidaj, fieraj junaj havajanoj donis al mi okazon repensi pri mi mem."

Tiel la fondaĵo sendube donis okazon al kritiko, sed ankaŭ al evoluoj en aina kultura vivo.

## RAPORTO DE FAKULOJ

Komence de la 7-a monato de 2008, rezulte de la nova koncepta statuso de ainoj kiel "indiĝena popolo", la registaro kunvokis ok fakulojn por formuli ideojn pri nova aino-politiko. Unu jaron poste, la 28.7.2009, tiu fakula rondo submetis sian raporton al la registaro. La rondo de fakuloj, kiu inkluzivis unu reprezentanton de ainoj, ŝajne konscie reagis al la kritikoj, kiujn ni ĉi supre rigardis: La raporto, kiu klare metis "indiĝenecon" de ainoj kiel bazon de ŝtata respondeco al ili, pledas por pli vasta kompreno de kulturo ol la ĝisnuna, priparolas ankaŭ ekonomiajn aspektojn kiel ekz. la bezonon plibonigi bazajn vivkondiĉojn de ainoj. Politike, la raporto rekomendis al la registaro fondi centran oficejon por kunordigi aino-politikon. Ĝis tiam pri ainoj okupiĝis laŭteme diversaj ministrejoj, sed ne ekzistis centra administrejo pri aino-politiko.

La 12.8.2009, fondiĝis "oficejo por ĝenerala aino-politiko" ĉe la Ŝtata Kabineta Sekretariejo. Se la registaro tiel rapide reagos ankaŭ al aliaj rekomendoj de la raporto, tio signifos rimarkindan antaŭeniĝon kompare al la nuna stato. Aliflanke, ni devas noti, ke la rajto je memdecido, aprobita en la porindiĝena Deklaracio de 2007, ne leviĝas en la raporto. Ni daŭre atente observu la evoluon, ĉu nova aino-politiko kontribuos al etna libereco de ainoj. ***KGC***

Notoj:

[1] Ekz. pri ainoj ĝenerale, laste artikolis *Alain Favre*, okaze de la Universala Kongreso en Japanujo 2007 (***Etnismo*** 80, p.8-13).

[2] La aŭtoro majuskligis la familian nomon ĉar pri orientaziaj nomoj ĉiam regas konfuzo, pri kiu parto estas familia kaj kiu parto individua nomo.